XXIa jaro. No 295 (3) ☆ Monata ☆ Marto 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poštĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redakteja ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por riĉevo: la 15e de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Bela Afiŝo.

Kun tiu ĉi numero ni dissendas al niaj legantoj belan afiŝon pri la kursoj de nia unua somera universitato. Ĝi signas daton en la historio de nia movado. La unuan fojon diverslandaj scienculoj uzos nian lingvon por instrui multnacian aŭdantaron pri teknikaj temoj laŭ zorge preparita ĝenerala programo.

Jam granda nombro da studantoj enskribis sin por partopreni en tiu kursaro. Por pliaj detaloj oni vidu la Kongresan Bultenon. Samtempe prepariĝas en Parizo la unua internacia konferenco pri uzo de Esperanto en scienco, kiu malfermiĝos en la granda salono de la Pariza Universitato la 14an de majo sub la patronado de la Franca Asocio por progresigo de Sciencoj, la Ĝenerala Asocio de la ŝtatinĝenieroj kaj la Societo por kuraĝigi nacian industrion. Inter la patronantoj de la konferenco ni notas famajn nomojn de Appell, rektoro de la Pariza Universitato, Berthelot, Bigourdan, Cotton, Desgrez, Deslandres, Fournier, Guillaume, Janet, Lallemand, Lumière, Mesnager, Painlevé, Richet, Roux, Sébert, ĉiuj membroj de l' Akademio de Sciencoj.

Ambaŭ okazontaĵoj en Parizo kaj Ĝenevo havos grandan signifon por Esperanto. Ni rekomendas al ĉiuj niaj legantoj sendi malgrandan noton al lokaj gazetoj pri la unua. Pri la dua ili uzu la belan afiŝeton. Facile estas ĝin pendigi en taŭga loko aŭ eĉ peti ĝian enmeton sur la aviztabulon en Universitato aŭ Supera Lernejo. Ĝi valoras la penon.

## UEA per Radio.

Ĉie nun organiziĝas UEA varbtagoj, ĉar la esperantistaro ekkonscias, ke ĝi povos vivigi potencan ago-centron nur subtenante rekte sian movadon per persona aliĝo kaj kotizo, ne ĉiam kalkulante je ceteraj. Ni salutas tiun saĝan komprenon kaj deziras al ĉiuj varbtagoj plenan sukceson por alproksimiĝi nin al la necesaj 10 000 anoj!

Estas tre bedaŭrinde, ke niaj komitatanoj ne povas mem ĉien veturi por helpi tiun utilan propagandon. Sed radio feliĉe ekzistas. Atendante, ke la Ĝeneva stacio estu sufiĉe forta por disaŭdiĝi tra tuta Eŭropo, UEA interkonsentis kun la Franca Kompanio de Radiofonio, kies elsenda stacio Radio-Paris estas efektive aŭdebla ĉie sur nia kontinento kaj eĉ en Irlando kaj Maroko.

*Mardon, 14 aprilon, je 8.15 vespere, nia prezidanto D-ro Privat alparolos la esperantistaron en nia lingvo el Radio-Paris per 1780 m da ondlongo.* Ĉar tiu radio-stacio estas nun la plej forta en la tuta eŭropa kontinento, la lokaj grupoj aŭ delegitoj de UEA povas organizi kunvenojn por disaŭdigi la paroladon en sia loko. Ni tre petas, ke la aŭdintoj, ĉefe en malproksimaj lokoj, bonvolu sendi poŝtkarton al nia Oficejo por ke ni sciu, ĉu valoras organizi tiajn paroladojn pli ofte kaj regule. Ambaŭ, C. K. kaj UEA, deziras ekzameni tiun eblecon.

 SOCIA VIVO 

## La andaluzia maŭra kulturo kaj nuntempa Maroko.

*Pedro García*, Ceuta.

Kiu estas leginta la historion pri araba kulturo kaj samtempe vidinta la mirindaĵojn ekzistantajn en Andaluzio, kiuj atestas pri ĝia vera arto, tiu povas pripensi kaj revi tra la pasintaj jarcentoj. Tiam vivis kalifoj kaj princoj loĝintaj en tiel belegaj palacoj kiel la Alhambra en Granada kaj la Giralda en Sevilla, kune kun la Moskeo de Cordoba tri arkitekturaj trezoroj tre ŝatataj kaj ofte vizititaj de ĉiulandaj turistoj.

Kia rava aspekto estas vidi la Moskeon de Cordoba dum gravaj religiaj festoj! Kiajn ĝojajn printempajn vesperojn pasigis la sultanoj kaj princoj ĉe siaj haremoj, apud ĝardenoj en kiuj floris oranĝarboj kaj rozoj disportante al geamantoj siajn delikatajn parfumojn?

Multaj *Mohametidoj* naskiĝis en Málaga kaj aliaj andaluziaj urboj inter kiuj estis bonaj poetoj, sed bedaŭrinde preskaŭ ĉiuj iliaj verkoj perdiĝis.

Kiam la famaj gereĝoj, nomitaj la Katolikaj, forpelis la maŭrojn el Andaluzio, la 2. Januaro 1492, en urbo Santa Fé oni subskribis la kapitulacion de Granada, en kiu hazarde Kristoforo Kolombo ĉeestis, ĉar li sekvis la Reĝinon, kiu lin devis helpi kaj ebligi la entreprenon por la malkaŝigo de Ameriko.

La lasta monarko Mohamet Boabdil laŭlegende estas plorinta, kiam li donis al la Grafo Tendilla la ŝlosilojn de la urbo Granada kaj la sigelringon, per kiu li regis la urbon. Li esprimis la deziron, ke oni daŭrigu regante ĝin per la sama ringo. Kaj poste li ploris! Eĉ lia patrino diris al li: „Nun ci ploras kiel virino pri tio, kion ci ne sciis defendi kiel viro".

Estas vere, ke la maŭroj alportis al Hispanio artojn kaj industrion. Ili estus ankoraŭ florintaj, se la konstantaj militoj kiuj okazis dum ok jarcentoj ne estus malhelpintaj ilian evoluon.

Krom la bataloj kun la kristanoj ili havis oftajn militojn inter si mem. Ekzemple la almorabidoj kontraŭ la almohadoj.

En la XV^a jarcento multaj maŭroj restis en Andaluzio, kiuj alprenis kristanismon. Boabdil mem havis permeson de la reĝo Ferdinando la Sankta por loĝi kun sia gento ĉe la Alpuĥaroj[1]) sed li iom poste foriris al Afriko, kie li mortis blinda.

Dum multaj jaroj forte sopiris la maŭroj pri la lasitaj trezoroj en Andaluzio, esperante povi iam ilin repreni. Aliaj restis kun siaj propraĵoj en la lando raskruciĝante kun hispanoj. Ankaŭ la lingvoj iom miksiĝis, kaj laŭ Cervantes en sia fama verko Don Kiĥoto, preskaŭ ĉiuj vortoj hispanaj komencantaj per silabo *al* estas arabaj. Krom ĉi tio ekzistas nomoj de vilaĝoj, riveroj, ktp. kun arabaj nomoj. Ekz. *Guadalkivir*-Rivero granda. *Guad-Al-Medina*-Rivero de la urbo.

Oni vidas, ke la maŭra kulturo disfalis sendube pro la militoj, kaj ekzistas nuntempe gentoj en Nord-Afriko, kies devenon ili mem ne scias. Religie ili sin konsideras kiel idoj de la sankta profeto Mohameto kaj iliaj prapatroj estis la forpelitoj el Andaluzio.

Ili loĝas en „kabiloj"[2]), parolas arabajn dialektojn kaj fuŝe la hispanan lingvon, estas tre militemaj kaj de la plej frua aĝo la knaboj komencas uzi pafilon. Ĉiu patro instruas sian filon per specialaj taktikoj tre originalaj. Ekzemple patro metas manĝaĵon je kelka distanco, donas pafilon al filo kaj li devas pafi; se li maltrafas li ricevas batojn. Ĝis kiam li trafos, la knabo devas esti punita kaj li ne ricevas manĝaĵon, se li havas malbonan celpovon. Alia ofta leciono estas: Lia patro sin kaŝas kaj surprizas la knabon; se ĉi tiu forkuras, kredante, ke verŝajne venis rabisto, li estos punata pro sia malkuraĝeco.

1) Laŭ-etimologie: lando de fortaj militistoj.
2) Vilaĝaroj.

## Malta-Insulo.

D-ro *Gustavo Busuttil*, Sliema.

### La Sankta Insulo de la Antikvuloj.

*Malto* — la antaŭhistoria „Sankta Insulo" de la Mediteraneo: „la maro de civilizacio kaj de la tuta historio"; la „Ora Pomo" dum la militado de la potencoj de la antikvaj kaj modernaj epokoj; la haveno de la maristoj, baraktantaj kontraŭ la ventego; la lasta loĝejo de la Kavaliroj de Sankta Johano; la centro de la sonĝoj de Napoleono pri la monda superregado; la unua ŝipara stacio de la Brita Imperio kaj la radcentro de la aera komercado de la estonteco. — *Malto* estas sendube unu el la plej interesaj lokoj de l' mondo. „Malta posedas grandajn memoraĵojn", diris la Princo de Wales antaŭ ne longe, dum historia okazo. Li estis sendube prava.

Pratempe la Maltaj insuloj estis kunigitaj kun unu el la terpontoj, unuigintaj Eŭropon kun Afriko. En tiuj epokoj la hipopotamoj naĝadis en la riveroj, kiuj preterfluadis la flankojn de la montoj, nun subakviĝintaj; la elefantoj ĉirkaŭvagadis la boskojn, ĉe la valoj; la ursoj ĉasadis la cervojn; kolosaj cignoj kaj aliaj akvoloĝantaj birdoj vivadis sur la lagoj, kie grandegaj testudoj svarmadis.

Poste kataklismo okazis; pinto post pinto malaperis sub la ondoj; terdisfalo sekvis terdisfalon kaj la grandaj bestoj troviĝis en ĉirkaŭaĵoj maltaŭgaj por ilia disvolviĝo. Ili malkreskadis kaj poste malaperis. La nun estingiĝinta pigmea elefanto fariĝis indiĝeno de Malta-Insulo.

Ankaŭ la homo troviĝis frutempe sur ĉi tiuj insuloj. Ne kalkulante la altvaloran, sed iome konfuzan evidentecon de siaj fruaj migradoj, liveritaj per la vojsulkoj, trairantaj la insulon en ĉiuj direktoj, la ekzistado en Malta-Insulo de Neandertalo, unu el la plej fruaj homaj tipoj, estas difinite konfirmita.

### Temploj — Mirindaĵoj de l' Mondo.

Dum longa tempo la homo devis esti loĝinta la kavernojn; sed en la malfrua Ŝtona Epoko li lernis konstrui tre belajn templojn por siaj prauloj kaj por siaj Dioj. La neolitaj temploj en Malta-Insulo staras inter la mirindaĵoj de l' mondo. Ili ne havas similaĵon ie. Ili estas tiom belaj kaj imponantaj, tiel granda estas ilia nombro — sen ia proporcio rilate al la vasteco de la insulo — kaj tiel rimarkinda estas iliaj arĥitekturaĵo, desegnaĵo, pentraĵo kaj skulptaĵo, ke la scienculoj konkludis, ke Malta-Insulo estas por la Mediteranea popolo ia speco da Sankta Insulo, kie la maristo, baraktinte la ventegon oferis al amika diaĵo, ĉu dankesprime, ĉu profite ĝin petinte pri favoraj ventoj aŭ pri kvieta maro.

La difinita historio de Malta-Insulo komencas je la jaro 1450 a. Kr. La fenicianoj estis tiame en la apogeo de sia potenco kaj prospero; liaj ŝipoj traveturadis la Mediteraneon en ĉiuj direktoj. Malta-Insulo kompreneble fariĝis fenicia kaj kiam Fenicio disfalis kaj Kartago aperis, Malta-Insulo estis transdonata al la juna ŝtato.

Dum la dua punika militado Romo iĝis posedanto de la insulo kaj donis al ĝi periodon de granda prospero, kiel evidente montras la lukse belaj Romaj temploj — malbonŝance ĝi estis allogajo por la dezirego de la Roma oficiraro — la grandaj teatroj, la vilaoj kaj banejoj.

En la jaro 58 de la kristana epoko okazis en Malta-Insulo la fama ŝippereo de Sankta Paŭlo, kiu konvertis la insulon al kristanismo.

Post la defalo de la Roma imperio la insulo submetiĝis je la diversaj ŝtatoj de Sud-Eŭropo, ĝis la fino de la oka jarcento, kiam ĝi estis ekokupita de la araboj.

En la jaro 109 — dudek kvar jaroj post kiam Vilhelmo I. ekokupaciis Anglion — Roĝero la Normano velveturis el Sicilio al Malta-Insulo kaj li aneksis la insulon al sia bienaro.

La insulo fariĝis nura aldonaĵo de Sicilio, kaj kvankam troviĝas multaj postsignoj de kulturo dum la Mezaepoko, tamen okazis pli ol unu fojon, ke Malta-Insulo estis koncesiita de la suverenoj de Aragonio al ia kreditoro por lin ebligi esti pagota je sia ŝuldo, altrudinte impostojn en Malta-Insulo kaj en la apuda insulo Gozo. La Maltanoj, tamen, kies patriotismo estis nekompareble forta, elaĉetis sian patrolandon el la glutejo de la rabemaj uzurpantoj; ili trudprenis promeson de la reĝo, ke ilia patrolando ne estu pli suferonta tian malrespektaĵon; kaj kiam la Maŭroj elŝipigis 18.000 virojn, kiuj atakis Maltan-Insulon dum 1429, ili trovis ke la insulanoj ilin kontraŭbatalis. Estas vere ke dum ĉi tiu periodo estis la braveco de la Maltanoj, de ambaŭ seksoj kaj de ĉiu aĝo, kiu savis la sudajn marbordojn de Eŭropo de la korsaroj.

## La Kavaliroj.

Dum la deksesa centjaro la Mediteraneo estis la scenejo de bataladoj inter la kruco kaj la duonluno.

La ĉefaj defendantoj de la kruco estis la Kavaliroj de Sankta Johano, kiuj de sia sidejo en Rodo kvazaŭ dorno eniĝis en la karnon de l' sultano. Solimano decidis forpeli la kavalirojn el Rodo, kaj post ripetitaj atakoj li sukcesis, en la jaro 1522 ilin elpeli post la plej heroa, kontraŭstara batalo.

La kavaliroj restis senhejmaj: ili vagis de unu kristana kortego al alia kaj ilia Granda Majstro estis devigita sin turni al Henriko VIII. en Anglio. Fine, dum 1530, pere de la Papo, la Imperiestro Karlo V. donis Maltan Insulon al la ordeno. Tuj kiam la kavaliroj estis establiĝintaj sur la Insulo la koleregо de l' Sultano sin turnis al Malta-Insulo kaj li tuj ekpreparis multnombran militŝiparon, kun celo posedi la deziritan insulon.

## Malta-Insulo, ŝildo de Kristanismo.

La sieĝo de Malta dum 1565, persiste subtenita per helpo de premegantaj bandaĉoj turkaj, sub iliaj piratestroj; ĝia heroa defendado pere de la enlanduloj, komanditaj de la ordenaj kavaliroj estas unu el la plej brilaj kaj gloraj paĝoj en la memoraĵoj de l' kristanismo. Tiom plensignifa estis la venko de la kruco sur la duonluno, kaj tiom da graveco ĝi havis por tuta Eŭropo, ke la reĝino Elizabeto mem ordonis specialajn propetpreĝojn por la sieĝituloj; kaj pli malfrue ŝi ordonis Dankadajn preĝojn por la glora venko!

Unu jaron poste oni almetis la fundamentan ŝtonon de Valletta — de tiu urbo konstruigita kiel nekaptebla remparo kontraŭ la turkoj — kiun Scott, Walter komparis kun sonĝo, kiun Disraeli nomis „Urbo de Palacoj" kaj kiun Nelson kaj Napoleono deklaris „la plej granda fortikaĵo en Eŭropo".

Dum ducent jaroj kaj duono Malta-Insulo restis la ejo de kavalirismo. La okuloj de la Eŭropaj suverenoj estis liksitaj je Malta-Insulo, ne nur pro tio, ke iliaj idoj apartenis al la ordeno, sed ankaŭ pro tio, ke ĝi estis la centro de pompo sen ia komparo en aliaj partoj de l' mondo.

Ĉiu ŝtono en Valleta entenas historion, kaj ĝiaj arĥivoj atestas pri la rilatoj de Lia Princa Moŝto, la Granda Majstro en eta Malta-Insulo kun la Imperiestroj kaj Reĝoj de la grandaj ŝtatoj de Eŭropo.

## La posta historio.

Kiam Napoleono en Junio 1798 ŝipiradis al Egipto, li kaptis Maltan Insulon kaj forpelis la ordenon. Lasinte garnizonon de okmil militistoj li fruiris Orienton; sed la Maltanoj ne toleris la dependecon.

Liaj metodoj estis plenumitaj de la Generalo Vaubois la ĉef-komandanto, kiun li estis lasinta sur la insulo; kaj kiam Nelson triumfe revenadis el la Batalo de l' Nilo, la Maltanoj estis jam ribeliĝintaj kontraŭ la francoj. Ili demandis helpon al la Brita Admiralo kiu ne rifuzis ĝin.

Anglio, kiu de la tempoj de Reĝino Anna estis pripensinta pri Malta-Insulo kiel idealan ejon por sia Mediteranea ŝiparo decidis partopreni la sorton de la Maltanoj; kaj kiam la Francoj estis eventuale devigitaj kapitulacii, la insulo metiĝis sub la protektadon de la Brita Krono. Por Malta-Insulo Anglio spite batalminacis Napoleonon. Rifuzinte ĉiun konsideron rilate la pacon Anglio ne hezitis akcepti la batalelvokon de Napoleono: „Maltan Insulon aŭ militon" kaj la interkonsento de Paris, konfirmante la cedon jam faritan per la „Amo de l' Maltanoj", deklaris ke „la insulo de Malto kaj ĝiaj dependaĵoj apartenas plenrajte kaj suverene al Lia Brita Moŝto".

Dum la tempo de la interkonsento Anglio estis jam plene utiliginta Maltan Insulon kaj la historio de la Brita potenco en la Mediteraneo je la komenco de la XIX-a jarcento estis nedisigeble kunligita kun Malta-Insulo.

Anglio konstruigis unuklasan dokon, koncentris sian ŝiparon en la vastegaj havenoj de la insulo kaj faris el ĝi bonegan apogejon de sia komerco.

La graveco de Malta-Insulo estis pligrandigita dum la Granda Milito.

Post la milito Malta-Insulo ricevis la memregecon, Self-Government, konsistanta el Senato kaj Leĝdona kunvenantaro.

---

# Kiamaniere la javano edziĝas?

*K. Wirjosaksono, Klaten, Javo.*

Javana knabo edziĝemas, kiam li jam havas almenaŭ 20 jarojn. Li edziĝas, kiam liaj gepatroj jam deziras tion. Kompreneble, li ne serĉas fraŭlinon mem kiel sian edzinon, sed liaj gepatroj devas serĉi ŝin por li. Kiamaniere ili serĉas? Ili pensas pri siaj amikoj aŭ konatoj aŭ najbaroj aŭ pri iu, pri kiu ili jam scias, ke eble li havas fraŭlinon. Se jes, ili tiam pripensas, ĉu tiu fraŭlino estas inda kiel edzino de ilia infano. Se jes, tiam ili deputas iun, por demandi al la gepatroj de tiu fraŭlino, ĉu eble al ilia infanino estus permesate fariĝi la edzino de ilia infano.

Por ke la gelegantoj bone komprenu la karakteron de gejavanoj, mi skribos kiel jene:

**Parolado pri edziĝo.**

Hardjo: „Amiko, sidiĝu antaŭ min, mi petas!"

Nojo: „Jes, sinjoro! — Nu, sinjoro, vi deputis min por viziti vian amikon S-ron Tjokro, kion mi jam faris. Tie mi paroladis pri io, poste mi diris al li, ĉu estus permesate, ke lia infanino estu edzinigata de via infano. Kompreneble mi ne diris, ke mi estas via deputito, sed ke mi deziras tion. Tiam li diris, ke estus permesate, ke lia infanino estu edzinigata de via infano. Se la afero estas tiel klara — nature mi klare diris, do ne mensogis — ke mi vizitas lin vere kiel via deputito. Poste li diris, ke ankaŭ estus permesate, sed, por ke oni ne malkontentiĝu, plibone oni devas sciigi la geknabojn."

Hardjo: „Tio estas plibona. — Panjo!“

Lia edzino: „Kio estas, paĉjo?!“

Hardjo: „Iru tien, en momento!“

Lia edzino: „Kion vi faros, ke vi vokis min?“

Hardjo: „Mi diros al vi, tiun amikon Nojo mi jam deputis por viziti S-ron Tjokro, kaj nun li sukcesis, kompreneble al ilia infanino estos permesate fariĝi fianĉino de nia infano.“

Lia edzino: „Ĉu ankaŭ amiko Nojo jam paroladis pri tio pli klare?“

Hardjo: „Jes, sed nun ni devas vespere fari viziton tie. Mi kun vi kaj kelkaj el niaj gefamilianoj devas fari viziton tie, por ke nia knabo konatiĝu al la knabino; tial li devas kuniri.“

Lia edzino: „Do mi devas unue sciigi al niaj gefamilianoj, ĉu ili povus kunviziti al S-ro Tjokro.“

Hardjo: „Bone! Kiam vi povas fari tion?“

Lia edzino: „Se eble je mardo de la sepa ni faru tion, ĉar la luno tiam jam estos alta.“

Hardjo: „Tion mi ankaŭ konsentos. — Nu, amiko Nojo, mia edzino povas tie fari viziton je la mardo de la sepa, mi esperas, ke vi diru tion al S-ro Tjokro.“

Nojo: „Jes, bone, sinjoro!“ — (Tiam Nojo iras al S-ro Tjokro por paroladi pri la estonta vizitado). Se la promesa tago estas veninta, vere Hardjo kun siaj gefamilianoj venas. Nojo ankaŭ uniras.

Tjokro: „Nu, mia frato, trairu kaj sidiĝu, mi petas!“ (La gastoj sidas en la antaŭdomo.)

Hardjo: „Jes!“

Tjokro: „Ĉu vi nur iris el la hejmo?“ (Oni diras tion nur proforme.)

Hardjo: „Jes!“

S-ino Tjokro: „Nu, mia fratino, trairu kaj sidiĝu, mi petas!“ (La gastinoj sidas en la malantaŭa domo.)

S-ino Hardjo: „Jes!“

S-ino Tjokro: „Bonvolu mia fratino sidiĝi apud mi!“

S-ino Hardjo: „Jes!“ (Dume la gegastinoj sidiĝas, oni ne paroladas pri la edziĝado.)

S-ro Tjokro: „Ĉu eble mia frato deziras sidiĝi en la malantaŭan domon, por renkonti kun sia fratino (mia edzino)? Pri via infano mi esperas, ke ĝi ankaŭ sidiĝas en la malantaŭ-domon, por ke li konatiĝu sian patrinon (mia edzino).“ (Ofte ankaŭ onklino.)

S-ro Hardjo: „Jes, bonege!“ (Tiam ili eniras la malantaŭ-domon; tie sidiĝas; la gastoj sidiĝas dekstre, kaj la gastinoj sidiĝas maldekstre, proksime oni trovas teon. Se la teo jam estas trinkita, la koncerna knabino portas sirih-ujon kaj metas ĝin antaŭ siajn estontajn bogepatrojn; ŝi devas iri per siaj genuoj antaŭ gegastoj; tie oni devas bone vidi ŝin [la knabinon], ankaŭ la knabon. La knabo ankaŭ vidas ŝin, sed la knabino ordinare nur rigardas suben, do ne vidas ilin, ĉar ŝi hontiĝus. Tial ofte ŝi metas la sirih-ujon senorde. Do la enhavo foriras el la ujo. Nature ŝi rapide eliras kun la honto, ĉar ŝi faris tion antaŭ multaj homoj. [Tio estas la karaktero de la fraŭlino, kiu ne ankoraŭ deziras edziniĝi.] Dume la gegastoj sidiĝas, oni nur paroladas pri aliaj aferoj, kaj post mallonge rehejmiĝas.)

Nia malaja samideano
S-ro *K. Wirjosaksono,* Del de UEA
en Klaten (Javo)
autoro de nia artikolo pri javana edziĝa kutimo)

Hardo: „Panjo, kiel vi trovas la knabinon?“

Lia edzino: „Se mi bone pensas, vere ŝi estas bela knabino!“

Hardjo: „Mi tamen pensas kiel vi, ke ŝi vere estas belega knabino. Nu do, se vi jam ŝatas ŝin, mi volas fari leteron por demandi ŝin.“

Lia edzino: „Jes, mi ankaŭ ŝatas, ke vi faros tion! Sed, ĉu ni ne devas demandi al nia infano, ĉu eble li jam amas ŝin.“

Hardjo: „Pli bone ni faros tion, sed lia vizaĝo jam konsentis, ke li amas ŝin.“

Lia edzino: „Jes, do mi ne demandos lin pri tio. Kaj nature la infano tamen devas fari ion de siaj gepatroj.“

Hardjo: „Nu, panjo, mi volas voki mian serviston por skribi la leteron. — Servisto!“

Servisto: „Kio estas, sinjoro?“

Hardjo: „Mi volas sendi leteron al mia frato Tjokro, skribu tion, mi diros la enhavon.“

Servisto: „Jes, sed mi devas uzi kian paperon?“

Hardjo: „Bonvolu uzi la dikan paperon, kaj faru linion marĝenan je proksimume kvarono de la larĝeco.“

*

La letero.

Letero kun la saluto kaj estimo kaj espero aŭ laŭdo, kiuj eliras el pura koro de via frato Hardjo kun edzino, estas aranĝita al la frateto S-ro Tjokro kun edzino.

Kiamaniere, nu, jam de longe mi tre deziris informi pri la novaĵo je la ĝentileco kaj ĉarmo de via lasta infanino, kiu nomĝas: Raden roro Soewarni, kaj mi pensas, ke mi intencu konduki mian unuan infanon kiel serviston, kiu nomiĝas: Soewarno. Sed mi tion pensis, nur pripensis, ĉar tiam, la ambaŭ estas ankoraŭ nematuraj homoj. Kaj nun, mia infano estas matura, kaj ankaŭ mi vidis, ke via infanino ankaŭ estas simila, pro tio, se eble vi kaj viaj familianoj ŝatus, plie Dio decidus ilin igi geedzoj, mi vere devigos mian infanon Soewarno kiel serviston; mi esperas, ke li iĝu servanto de via infanino Raden roro Soewarni por longedaŭro.

Poste mi petas vin, ke vi deziru konsenti al mia deziro por preni vin kiel veran fraton.

Skribite je la mardo de l' 30ª de Soero 1855.

Via frato Hardjo.

*

Tiu ĉi edziga maniero okazas inter ordinaraj personoj, sed la kleraj personoj havas alian manieron.

 LITERATURO 

# Pri okuloj de junaĝo.

De *Rikardo Rudzitis.*

*Rikardo Rudzitis* estas moderna latva poeto, predikanta sintezon de Oriento kaj Okcidento.

---

Kia brilo, kaŝe flagranta el ĝiaj okuloj? Kia malkvieta, luma, dia flagro! Tiel povas rigardi nur homo, kies animo ekbruliĝis, en kies brusto ĉio forbrulas — sopiroj, emocioj de maltrankvilo, doloroj, ĝojo kaj amo — ĉio en potenca fajra ardo.

Estas tiuj, kiuj, enirante la vivon, konservis siajn infanokulojn — nedifektitajn, klarajn. Virge kaj klarvide ili rigardas ĉiujn aperaĵojn de l' vivo, en la homoj, en la naturo. Per tiaj okuloj infano rigardas la patrinon, kliniĝantan super ĝia lulileto.

Same floro — en suna brilego, per ĉiaj siaj kalikaj franĝetoj, soifas ĝian kareson. Nur klareco povas vere percepti klarecon. Nur animon akordigante kun la naturo oni povas fariĝi naturinfano. Por povi konjekti, kiom bela estas la tuta ĉieesta ekzisto, mem necesas esti bela, nobla kaj korepura.

Kion signifis esti korepura? Se Kristo iam rajtis diri: Mi estas senkulpa! — ĉu estas jam plu iu en nia medio, kies animo ne estus tuŝinta teran polvon? Kaj tamen korepura estas ne tiu solenura, kies animo estas blanka kiel neĝo de montaj supraĵoj. La supraĵoj ja pro tio estas klaraj, ke al ili proksima estas la suno, proksimaj la steloj. Sed malsupre, kie la nokto la krepuskon anstataŭas, tie furiozas pasioj, malforto, kaj ĉion trae la soifo, la senfina soifo al suno. Kaj pasioj katenas la homon, sed la manoj ankoraŭ sin etendas supren, la animo flugas renkonten al dieco.

Jen en tiu soifo enestas la vera korpureco, en tiuj neestingeblaj flamaj soifoj — pura fariĝi. Ĝi estas la brileto, kiu kaŝe reflektas el okuloj de junulo, brulas, lumovibras kaj neniam estingiĝas. Kant iuloke diris, ke moralo estas lukto. Lukto por la plej alta devo de sia animo, por plej perfekta homa esenco. Ni estas tro homecaj por ne erari. Sed se estas neevitebla sinŝanĝo, necesas tiam simile de Spidola*) — sin ŝanĝi supren al suno. Kaj sunon soifante, la sunon tiri al si. Kaj unuiĝi kun la suno, eĉ se nur per sia soifa revo.

Sed, ho ve, kiom malmultaj estas tiuj, kiuj konservas ĝis vivofino siajn infanokulojn. Kie restas ĉe multaj poste tiu neperceptita ĉielbrilo, tiu belega soifo por sin efektivigi, por scii. Venas tempo, kiam finrevitaj ŝajnas ĉiuj revoj, ĉiuj sopiroj. Kie estas tiuj, kiuj konstante devas troviĝi sur la gardoposteno de junanimo? Ho ve, se la maljuna generacio scipovus ĉiam legi en junrigardo, kiel en sorĉa miroskribo, kaj komprenus ĝin kaj ne permesus al ĝi preteriri la brilantajn neĝomontojn.

Sed multaj el ili jam delonge perdis sian infanan kredon, idealismon; kaj la junaro sola devas finluli sian noblan revon. Ĉu mirinde, ke sen zorga okulo de gvidanto ĝi eraras kaj falas kaj ĝiaj klaraj okuloj pleniĝas de teraj pasioj. Ho, ankaŭ la tero kun ĉiuj ĝiaj pasioj kun la tuta mallumo kaj stelumita ĉielo, estas tiel belega! Sed tra la teraj pasioj necese estas pasi kiel diinfanoj, kun puronsoifo enkore. La tuta naturo ĉirkaŭ ni estu niaj amikoj, niaj fratoj, sed ne objektoj, oferitaj por nia festotablo. Ankaŭ floro havas animon — ĝia belodoro. Ankaŭ la formiketo, abeleto ĝin posedas . . . Kaj ĉu des pli ĝin ne posedas la homo, se ĝi estas bela kiel flora beleco, se ĝi estas pura kiel la miela dolĉeco de abelo.

Al la junaĝo oni kutimas ofte riproĉi ĝian idealismon. Ke ĝi estas iluzio, kiun la vivo ruinigas per siaj ferradoj. Ho, ke estu laŭeble plej da tiu viviga, potenca entuziasmo, kiu fulmofalas el rigardo de junulo. Kiu alia levis la homan spiriton ĝis la steloj, senmanigis al ĝi la sceptron de reganto de l' mondo? Kontraŭe, tro malmulte ni havas en nia brusto da tiu sankta flamo de altaro, da idealismo. Nia vivo estas tiom malviva, griza, banala. Ni estas infanoj de l' momento, ne tiu de l' eterno. Kaj ĉu permesi, ke estingiĝu ankaŭ la lastaj steloj el okuloj de la gejunaro, ke ili fariĝu mallumaj, blindaj? Sed la gejunaro iras al suno. Ĝiaj kamaradoj estas la suno, lando de l' vivo kaj eterno. Kaj ĝi nur ridetas pri mokoj, same kiel suno ridetas al arbaj ombroj.

Se la junulo ne ĉiam kapablas ion pretan doni, li fiksas per sia laboro mirindan, nesupereblan planon, donas al ĝi egan impulson. Kion lia entuziasmo komencis, surreligis, tion de l' vivo trankvila prudento poste finas. Estas la karaktera trajto de junulo, ofte ĉion ruinigi, kion li estis konstruinta, por poste sur la ruinoj konstrui novan, pli belan tempon. Tia estas la gejunaro, kiel ĝin karakterizis Turgenev:

„Li bruligis, kion li adoris;
Li adoris, kion li bruligis."

Junulo konstante trotaksas ĉiujn valoraĵojn. Ĉiam tro malmulta estas por li la atingitaĵo, eterne li aspiras al plua, pli perfekta, kaj kun ĉiu nova valoraĵo li sentas, ke la vivo fariĝas ĉirkaŭe de li pli perfekta kaj kun ĉiu tago pli nemezurebla iĝas la soifo fariĝi pli klara, bela.

Mirinda naturenigmo estas la okuloj de junulo-entuziasmulo. Kion ajn ili ne vidas, ili vidas multe, multe pli ol ĉiuj aliaj. Ili vidas la realecon de l' vivo kaj rigardas pluen. Per okuloj de viziulo li kiel jam realaĵon vidas, kio ankoraŭ ne ekzistas, sed kio iam nepre efektiviĝos kaj al kio aspiras la animaj soifoj de ĉiuj idealistoj. Al gejunaro oni riproĉas, ke ili ofte vidas la mondesencon pli bela, pli perfekta ol ĝi estas. Sed ĉu ĝi estas io malbona? — La gejunaro rigardas la mondon per okuloj de beleco, troviĝanta en ĝia propra mondo. Kaj en la mondo ĉio estas tiom bela, en la mondo ne ekzistas malbono kaj peko por tiu, kiu komprenas, kiu ĉion rigardas per okuloj de amo. Kaj kiu amas kaj komprenas, tiu ankaŭ kunsentas kaj pardonas. Tio, kion ni nomas malbono, estas la malforto de senenergia malsana animo de l' homo, kaj ni ne devas kondamni tian malsanan animon, sed ĝin kuraci. Per tiaj senkonsciaj revoj plena estas la animo de gejunaro, kaj per sia korepura saĝeco de komprenanto ĝi povus instrui la saĝulojn de l' mondo. Laŭ Nietzsche „la homa ne estas ankoraŭ tro homa" por la junaĝo. Por ĝi ĉio homa estas dieca, almenaŭ kiel serena celo por anima soifo. Ĝi kredas, ke tiu homa iam levos siajn en tera roso malsekitajn flugilojn kaj kapablos flugi ĝis ĉielaj steloj, blankaj nuboj. Se junaĝo idealigas realaĵon, ĝi estas pro tio, ke ĝiaj okuloj ankoraŭ estas klaraj, ke ĝiaj okuloj ĵetas radioreton sur la mondon, kaj enbrakas ĝin en sian lumbrilon. Do, kiu kuraĝas el okuloj de gejunaro estingi tiun brilon, kiu en si reflektas dian lumon? Tio kion la junaĝo amas, kaj kion aspiras, estas ĝia supera belo. Ĝia animo, kiel en spegulo, reflektiĝas en sia idealo; kaj sian idealon aspirante, ĝi senkonscie aspiras al si, al sia Mi, sia personeco. Kaj pro tio la aspiro al idealo estas samtempe deziro sin efektivigi, sian personecon beligi, aspiroj al pli perfekta, klara ekzisto, kiu kapablas turni la rigardon pli alten kaj pli malproksimen ol la realaĵoj de l' vivo, tiu neniam al si loĝejon konstruos en polvo.

Junulo devas ekdeziri la neeblan. Tia estas la vera gejunaro. Kiu deziras oceanon tranaĝi, neĝajn supraĵojn transflugi, kaj en kies okuloj reflektas la tuta senfineco de ĉielaj steloj, kaj kiu per sia tuta esenco kredas al tio, kion ĝi amas, al kio ĝi plej sankte soifas. Tio estas junaĝa, kiu kun Arĥimedes

*) Spidola estas legenda heroino el latva mitologio. - Trad.

volonte dirus: „Donu al mi apogilon kaj mi la mondon movos!“ Nur per efektivigo de neeblo ekzistas la mondo. Estas la soifo al spirito, al korpureco, kiu antaŭenmovas la mondon. Kiu kiel ebriiga bonodora uragano forportas kun si ĉiujn objektojn en kvazaŭ printempa superakvo al senfina sinŝanĝo.

Mirinda estas la floranta tero, kie regas beleco, kaj kiun la ĉielo enbrakis per ĉiuj siaj stel-miriadoj. Kaj kie kiel sola hirarko destinita estas la homo. Nur kun klaraj infanokuloj ni eniru ĉi tiun templon, niajn infanokulojn ni konservu ĝis vivofino.

El la latva lingvo *Edgar Grot*, Riga.

---

# Pri la vivo feliĉa.

Laŭ *Seneko.*

*Seneko la Filozofo,* roma saĝulo kaj multfaka verkisto, estis samtempa je Kristo, naskita sub imperiestro Aŭgusto kaj mortigita laŭ ordono de Nerono. Liaj verkoj, skribitaj antaŭ pli ol dekok jarcentoj, ŝajnas al nuntempa leganto tute freŝaj kaj aktualaj, en ĉio tuŝanta socian kaj individuan moralon. Ĉar la kulturoj eterne evoluas, kaj la homoj ĉiam restas ... la homoj.

Feliĉe vivi ... jen estas tio kion volas ĉiuj homoj. Sed kia nubo sur iliaj okuloj, kiam ili devas bone vidi vojon al la feliĉo!

Tiu vojo estas io tute alia ol ordinara vojaĝo laŭ jam ekzistanta vojeto, kun helpo de la landuloj kiujn vi pridemandas.

Por tiu celo — plej batita vojo estas plej trompiga. Tial, antaŭ ĉio, ni nin detenu sekvi la brutarestron, ni ne iru kiel ŝafaro bruteca. Nenio tiom mizerigas nin, kiom obeo al la publika onidiro, kiel adoro kun homamaso aplaŭdanta, kiel vivo ne laŭ sia saĝo, sed laŭ opinio de najbaroj.

El tio sekvas vasta amasegiĝo de homoj kiuj faligas unu la alian. Kiel en ĝenerala forkurego de densa homamaso neniu falas sen faligi la apudulon, neniu renversiĝas sen renversi sian najbaron.

Ni savos nin sub kondiĉo ke ni eliros el la amaso; ĉar tia ja estas popolo, ĝi firmas kontraŭ prudento, ĝi defendas malbonon kiu ĝin mortigas.

Ni serĉu plejbonon, ne tion kio estas ordinara, kio donas materian feliĉon, kio estas vulgare aprobita. Kaj sub vulgaruloj mi supozas ne nur amason bluzevestitan, sed ankaŭ kronitojn.

* * *

La naturon ni devas sekvi: ne forflankiĝi de ĝi, agi laŭ ĝia leĝo kaj vivi laŭ ĝia ekzemplo, jen estas la saĝo.

La vivo feliĉa do estas vivo konforma al la naturo. Sed por ĝin atingi, oni antaŭe akiru sanon de l' animo kaj de l'korpo; la animo estu energia, ardanta, bela pro siaj meritoj, pacienca, preta por ĉiu okazontaĵo, zorganta pri sia korpo, ne ignoranta materian vivon, sed samtempe ne sklaviĝanta ĉe la riĉaĵo.

Homo iĝas por ĉiam trankvila kaj libera, kiam li liberiĝis de ĉio, kio lin ekscitas aŭ timigas.

* * *

La virton ci trovos en templo, sur forumo, en senato, ... kun la korpo polvekovrita, vizaĝo sunbrunita, manoj kalaj. La volupto plejofte emas sekreton, serĉas mallumon; ĝi vagas ĉirkaŭ banejoj, kabinetoj, ... viriniĝa, sen viglo, adoranta je vino kaj parfumoj, pala aŭ ruĝeŝmirita, sub modaĉa tualeto.

La virto estas io granda, supera, nevenkebla, nelacigebla. La volupto estas malalta, sklaveca, senpova, kaduka, havanta sian lokon en malĉastejo kaj kafejo.

* * *

En la virto estas la vera feliĉo. Nun, unu el homoj kiuj parolaĉas kontraŭ la filozofio, diras al mi: „Kial do cia parolo estas pli prava ol cia konduto? Kial ci malaltigas tonon antaŭ superulo? Kial ci larmas pro la morto de cia proksimulo? Kial ci posedas luksan meblaron, riĉan domon, parkon? Pro kio cia edzino portas en oreloj prezon de jarenspezo de tuta familio?

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La filozofoj ne realigas ĉion, kion ili diras. Sed ili jam multon faras, kiam ili tion diras kaj kiam ili konceptas ideon de belo morala. Ĉu estas mirinde, ke oni ne atingas montosupron, kiam survoje oni falas sur tiom da malhelpaĵoj? Eĉ kiam ili falas, admiru ilian noblan kuraĝon!

Vi, kiuj malamas la virton, vi nenion strangan faras; ĉar malsana okulo timas la sunon, kaj la taglumo estas malaltira por noktaj bestoj.

La filozofo povas havi grandan riĉon, sed ĝi ne estos frukto de rabado, ĝi ne estos makulita de alies sango, nek akirita per malnoblaj rimedoj.

Viaj kontraŭdiroj ne ofendas min: mi vin antaŭinformas, pro amo al vi, ke vi estimu la virton.

Honorigu ĝin kiel la diojn, kaj ankaŭ tiujn, kiuj ĝin predikas.

Tradukis *P. Stojan.*

---

# *Uta*-oj el „Manjoo-ŝuu“.

„Manjoo-ŝuu“ (kolektaĵo de dekmil vortoj) estas japana plej malnova kolektaĵo de 4496 poemoj, nomita *Uta-Ĉooka* (longa kanto)-oj, *Tanka* (mallonga kanto) — 31 = 5 + 7 + 5 + 7 + 7 = silaba, senrima)-oj, ktp. (Aperis ĉirkaŭ 1150 jarojn antaŭe, enhavante *Uta*-ojn dum 450 jaroj).

☆

*Disiĝo.*

Ruĝaj folioj,
Ne disfalu momenton,
Sur mont' aŭtuna;
Najbarojn de edzino
Mia volas mi vidi.

*Kakinomoto Hitomaro.*

*Alfluo.*

Tajd' alfluante
En golfeto de *Ŭaka,*
Sablaĵon kaŝas:
Kaj bruante forflugas
En kanaĵon gruo.

*Jamabe-no-Akahito.*

☆

*Al amato.*

Voj' estas danĝera,
Pro vespera mallumo;
Iru post lun' aperos,
Korega, ni parolu
Dum vi tion atendos.

*Oojake-no-me.*

☆

*Najtingalo.*

Mi malĝojetas,
Vidante sur printempa
Kampo nobleton;
De l' vesper' en lumeto,
Najtingalo kantetas.

*Ootomo Jakamoĉi.*

Trad. *Mijake Ŝihej* (Japan.).

---

# Proverboj.

☆

Oni devas forĝi la feron, dum kiam ĝi estas varmega.

Oni ne faru la kalkulon sen la mastro.

Oni portas kruĉon tiom ofte al puto, ĝis kiam ĝi rompiĝas.

En ĉiu objekto troviĝas difekto.

Estas vana klopodo blankigi negron per sapo kaj akvo.

Ĉiuj vojoj kondukas al Romo.

El Germana-Esperanto Konversacia Libro de Connor
esp. de *R. Kreuz* kaj *M Butin.*



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## La Viena Deficito.

La esperantistaro scias, ke la Viena kongreso estas la lasta, kiu estis organizita sub la sistemo de la malnova K. K. K. ekster ĉiu ajn kontrolo de la Centra Komitato, escepte la elekto de la kongresurbo. Pri la kotizoj, budĝeto kaj organizo de la Viena kongreso la C. K. estis neniam informita kaj entute restas for de ĉiu ajn respondeco pri tio. Tamen, eksciinte poste la bedaŭrindan deficiton de la Viena kongreso, la C. K. decidis presi *proprakoste* ties oficialan protokolon por eviti al la loka komitato plian ŝarĝon. Estonte la lokaj komitatoj laboros interkonsente kun la Centra Komitato, kiu konsilos al ili aranĝi tute alie la sistemon de kotizoj.

Intertempe niaj Vienaj samideanoj tre suferas pro la granda deficito de sia kongreso kaj la Loka Kongresa Komitato de la XVIa dissendis antaŭ nelonge la kalkulojn, kiuj finis kun malprofito de Kr. 214.416.959, kio en pli facile komprenebla cifero estas 17.154 svisaj frankoj (laŭ kurzo dumkongresa 1 miliono = 80 fr. sv.). Ni donas ĉi tie la bilancon kaj por faciligi la komprenon ni transkalkulis laŭ sama kurzo en svisaj frankoj.

**I. Elspezoj:** (A. Organizo):

| | Kronoj aŭstr. | Frankoj svisaj |
|---|---|---|
| Oficejo, salajroj, afranko, helpantoj dumkongresaj, afiŝoj | 68.800.000 | 5504.— |
| Kongresejo, luo, lumo | 74.000.000 | 5920.— |
| Presaĵoj, invitiloj, aliĝiloj, kongreskartoj, bulteno, sigelmarkoj, materialo oficeja | 168.600.000 | 13488.— |
| Memortabulo Zamenhof . . . . | 3.200.000 | 256.— |
| Sumo: Organizaj elspezoj: | 314.600.000 | 25168.— |
| **(B. Plezuraj aranĝoj)** | | |
| Koncerto, teatro, kabaredo . . . . | 158.700.000 | 12696.— |
| Ĝardenfesto, ekskursoj . . . . | 36.900.000 | 2952.— |
| Dekoraciaĵoj, standardoj, bonveno, instalaĵoj, ekspedo programoj . . . | 45.400.000 | 3632.— |
| Sumo de la porplezuraj elspezoj | 241.000.000 | 19280.— |
| Sumo de ĉiuj elspezoj (A kaj B) | 555.600.000 | 44448,— |

**II. Enspezoj:**

| | Kronoj aŭstr. | Frankoj svisaj |
|---|---|---|
| 3400 kotizoj . . | 252.004.780 | 20160.— |
| Donacoj . . . . | 17.076.644 | 1365.— |
| Vendado de kongresaĵoj . . . . | 12.944.017 | 1036.— |
| Rajtoj pri vendado | 18.600.000 | 1488.— |
| Enspezoj el aranĝoj (verŝajne plezuraŭ amuzaj) . . | 40.557.000 | 3245.— |
| Sumo de la enspezoj | 341.183.041 | 27294.— |
| **Deficito** | 214.416.959 | 17154.— |
| | 555.600.000 | 44448.— |

Komparante la ciferojn de la lastaj du kongresoj ni konstatas gravan diferencon, ŝuldatan al la tute aliaj cirkonstancoj de Vieno.

| | Elspezo | Enspezo |
|---|---|---|
| | en svisaj frankoj | |
| Wien . . . . . . . . . . | 44.448.— | 27.294.— |
| Nürnberg . . . . . . . . . | 10.241.— | 14.661.— |
| Kresko . . . . . . . . . | 34.207.— | 12.633.— |

La meza kotizo en Nürnberg estis Fr. 2.34 po kongresano, en Vieno ĝi atingis 5.93, do notinda pliboniĝo, kvankam nesufiĉa por sentime entrepreni organizadon de kongreso.

La multajn kritikojn direktitajn al la L. K. K. ni ne volas tie ĉi ripeti; la deficito ekzistas kaj estas **morala devo** de la partoprenintoj de la Viena kongreso

**helpi.**

Unu el la kaŭzoj de la deficito estas la malegalaj kotizoj kaj efektive kelkaj landoj estis tro favore traktitaj. Estas al ili unue, helpi per proporcia alpago al la kotizo tro favora kaj ne lasi la anojn de la L. K. K. en tia terura situacio. La sumo de 17000 Fr. (aŭ 214 milionoj) reprezentas monatan salajron de 60 mezaj oficistoj en Vieno.

S-ro Paŭlo Balkányi en Budapest proponis al la nuna Ĝeneva loka komitato, ke ĝi alvoku la kongresanojn pagi malgrandan procentaĵon al la nuna kotizo. La Ĝeneva L. K. K. diskutis kaj akceptis tiun proponon. Tamen tia alpago restas libervola. Ĉiu kongresano, kiu bonvolas helpi, alpagu laŭpove. Por ilustri la situacion ni kalkulas, ke se estus supozeble 1700 kongresanoj en Ĝeneve, ĉiu devus pagi **10 Fr.** Tio estus ideala solvo.

Al ĉiuj bonvoluloj, subtenantaj la Vienan L. K. K. estas sendataj laŭdezire la kongres-dokumentoj. Plej bone helpas, kiu tuj helpas.

## XIV. Belga Kongreso de Esperanto, Verviers.

Dum pentekosto, 30—31 majo 1925, okazos en Verviers la XIV. Belga Esperanto-Kongreso, al kies vizito la Organiza Komitato invitas ĉiujn belgajn kaj eksterlandajn samideanojn.

Detala programo estos ankoraŭ sciigata.

Aliĝemuloj skribu al la kongreso sub adreso: „La Mutuelle", rue Tranchée 50, Verviers.

---

## XII. Bulgara Esperanto-Kongreso.

La XII. Bulgara Esperanto-Kongreso okazos de la 19 ĝis 21 julio 1925.

Ĉeestos esperеble, kiel kutime ĝis nun, gesamideanoj el ĉiuj najbaraj landoj (Rumanio, Sudslavio k. c.), al kiuj la Bulgara Esperantista Societo jam direktis tiucelajn invitojn.

Estos organizata speciala konferenco de la UEA-delegitoj el la orienteŭropaj landoj.

Estas invititaj gvidantoj eminentaj de la ĝenerala tutmonda Esperanto-movado, kiuj povus utiligi la oportunan okazon, por ekkoni persperte la proksiman orienton kaj ĝian Esperanto-movadon.

La Bulgara Esperantista Societo invitas kore ankaŭ ĉiujn samideanojn el kiu ajn lando, kiuj havos eblon por tio, viziti la kongreson.

Detaloj estas ankoraŭ poste sciigataj. Interesatoj skribu al nia societo laŭ adreso: ul. Car Boris 69, Sofia.

---

## Universala Esperantista Pacifista Ligo.

Ĉar la Pacifista Kunveno de UEPL en Wien decidis, ne arbitre elekti la naciajn sekretariojn de UEPL por la diversaj landoj, la estraro de la Universala Esperantista Pacifista Ligo nun petas la personojn, kiuj volas labori por la ligo, doni la nomojn al la ĉi-suba adreso. Ne estas ia honorfunkcio, sed ni bezonas laborpretajn homojn! Ni devas havi ĝis nia XVIIa jam laŭeble bone organizitan ligon! Ni petas niajn kunlaborantojn, sendi la nomojn nur pere de la landaj E.-centro-organizoj, ĉar alie ni ricevus eble tro multe da nomoj por ĉiu aparta lando.

La rezultatojn ni publikigos en „Esperanto" (Genève), en „Heroldo de Esperanto" (ET) kaj „Aŭstria Esperantisto".

Pro grava kialo ni ne pli frue povis elsendi tiun alvokon.

*Julia Isbrücker*, Hago, prezidantino.

*Rudolf Michael Frey*, ĝenerala sekretario, Wien III, Bechardgasse 14.

---

**Kun tiu ĉi numero estas sendata:**

**Scienca Bulteno N-ro 2**

**Ekonomia Kuriero N-ro 3**

**Kongresa Bulteno N-ro 3**

**kaj afiŝo pri la**

**Somera Universitato en Esperanto**

# KRONIKO.

## Aŭstrio.

*Steyr.* — S-ro R. v. Lidl donas 3 kursojn por policistoj, kies kostojn pagas la urbo, kaj 2 vesperkursojn.

*Wien.* — S-ro Emil Schade, Wien VI, Mollardgasse 55 establis Esperanto-Librejon.

## Belgio.

*Antwerpen.* — De januaro la Antverpena Poresperanto Propaganda Komitato eldonas propran multobligitan Bultenon por pli rapide informi sian membraron.

## Britlando.

*Hull.* — Refondiĝis grupo. Adreso: S-ro F. W. Coulson, 18 May Street, Hull.

## Ĉeĥoslovakio.

S-ro R. Czermack-Warteck, Richard-Wagner-Strasse 21, Teplitz-Schönau, laŭ cirkulero proponas al L. d. N. kreon de ordeno por honorigo de eksterordinaraj humanaj heroaĵoj kaj akceptas diskutadojn en ĉiuj lingvoj kaj en Esperanto.

*České Budějovice* (Žižkova str. 6). Dum januaro 1925 fondiĝis ĉi tie „Esperanto-Servo". Gvidanto S-ro Jos. Ploss.

*Olomouc.* — 12. 2. 1925 ĝenerala kunsido. La nova komitato konsistas el S-roj: Kudela, prez.; gimnaz. direkt. Mattel, vic-pr.; Hochmann, sekr.; Wolf, vic-sekr.; Štěrba, kas.; Mastný, Neužil, komitaatnoj. Oni decidis establi radiostacion por pliinteresigi la publikon al nia afero.

## Franclando.

*Intervjuo al S-ro Paul Painlevé.*



*Paul Painlevé*
Prezidanto de la Franca Ĉambro de Deputitoj

S-ro Paul Painlevé estas certe unu el la plej famaj modernaj francaj sciencistoj. Naskiĝinta la 5 decembro 1863 en Paris, universitata profesoro en Lille, je la aĝo de 23 jaroj, li estas ne nur matematikisto kies verkoj estas mondkonataj, sed ankaŭ pioniro de la aviado, kies estontecon li antaŭvidis dum la heroa epoko de provoj de fratoj Wigth kaj de Farman.*) Membro de la Scienca Akademio de 1910, li ankaŭ estas ŝtatulo, estinte en 1917 ĉefministro kaj nun Prezidanto de la Ĉambro de Deputitoj.

Malgraŭ lia peza laboro kaj konstanta manko de tempo S-ro Painlevé, kies fotografaĵon niaj legantoj vidas ĉi-supre, bonvolis dediĉi al nia kunlaboranto kelkajn minutojn por la intervjuo pri la aviado. Eksciinte, ke li estas kunlaboranto de „Esperanto", li deklaris:

— „Mi estas malnova amiko de via movado, ĉar Esperanto estas tre utila por disvolvi la internaciajn sciencajn rilatojn. La simpation por Esperanto mi pruvis aliĝinte al la honora komitato de la Franca Societo por la Propagando de Esperanto kaj al la protekta komitato de la Internacia Konferenco por la apliko de Esperanto en la puraj sciencoj."

— „Kion vi pensas, S-ro prezidanto, pri la nuna aviado?"

— „Mi ĉiam vigle interesiĝis pri la problemoj de la mekanika scienco kaj la aeronaŭtiko ne povis min lasi indiferenta. Jam la unuaj flugoj de Henri Farman kaj Delagrange povus pruvi al skeptikuloj, ke la problemo estis solvebla. Sed nur, en 1908, post la flugoj en Mourmelon kaj Auvours, oni tion ekvidis. Mi estis la dua pasaĝero de Wilbur Wright kaj en oktobro 1908 ni faris la rekordon de 72 kilometroj en 1 horo 11 minutoj. Kiom ĝi ŝajnas esti modesta nun!"

— „Mi rememoras pri la unuaj flugprovoj de Ader (franca inĝeniero de pontoj kaj vojoj. Noto de l' aŭtoro) en 1892, pri kiuj estas malfacile diskuti science, ne ĉeestinte ilin, sed kiuj estas meritindaj, ĉar la konstruinto realigis metode kaj racie aparaton antaŭ 30 jaroj, eĉ se la motoro ne estus utiligebla por longa flugo."

— „Saman meriton havas Santos-Dumont, la heroo de la direktebla aerŝipo kies merito estas nediskutebla."

— „Ĉu, S-ro prezidanto, oni povas atendi novajn perfektigojn en la aviado kaj ankaŭ pligrandan sendanĝerecon?"

— „Oni devas atendi pliperfektigojn en la konstruado de flugiloj kaj de la korpo (Carlingue), en la plisimpligo de la formo de aeroplanoj, kaj en la fabrikado de novaj motoroj varieblaj en la rapideco kaj sen haltigoj multe pli ol en la provoj de alterigo vertikala aŭ malrapida."

— Kaj nun, S-ro prezidanto, lasta demando: via opinio pri la estonto de la aviado?"

— „Permesu rakonti al vi personan ekzemplon. En 1920, estante en Hong-Kong, mi intencis viziti Indo-Ĉinion. Kiel pasaĝero en hidroplano mi faris 1100 kilometrojn super la Pacifika Oceano. Flugante super la insulo sovaĝa Haï-Nan, en kies centro vivas ankoraŭ ĝis nun antropopofagoj, vidis el la hidroplano la atakon de la ĉefurbo de la insulo per ribelintoj armitaj kaj kelkajn horojn pli malfrue mi estis en Hanòi, la ĉefurbo de Indo-Ĉinio kun siaj belaj magazenoj, aŭtomobiloj kaj elektra lumo. Rememoru pri la vojaĝo de kapitano Pelletier d' Oisy de Paris ĝis Tokio. Por tiaj vojaĝoj oni nepre bezonos Esperanton."

Mi dankis por la intervjuo S-ron prezidanton Painlevé, ĉiam juna, malgraŭ liaj 61 jaroj, ĉiam fidelan al Esperanto, eĉ en momento kiam ĝi estis en malfavoro kaj ĉiam laboranta por la sciencoj (eĉ nun li instruas en la Pariza Universitato), malgraŭ liaj politikaj devoj. *L. A.*

*Montgeron (S. et O.)* — Post kunveno organizita de S-ro Moutou, Del. de UEA, kaj post parolado kun lumbildoj prezentitaj de S-ro Delanoue, 15 lernantoj ĉeestas la kurson, kiu okazas ĉiumerkrede sub la gvidado de S-ro Moutou.

*Paris.* — Post propaganda kunveno organizita sub la prezideco de nia eminenta samideano S-ro Cotton, ĉe la amfiteatro de Geologio de la Sorbonne, la 11 Januaro, de S-ro Delanoue je la nomo de la sekcio „Paris-Sud" de la Grupo de Paris, malfermiĝis du kursoj: unu [37 gelernantoj] funkcias dufoje, la dua [12 lernantinoj] trifoje ĉiusemajne. Gvidanto: S-ro Delanoue.

— La virina klubo Racial Femina Club [laŭ cirkulero 10. 2.] akceptis Esperanton kiel helpan lingvon por eksterlandaj membroj ne sciantaj francan lingvon.

## Germanio.

*Berlin.* — „Berliner Tageblatt" daŭradas aperigi notojn kaj detalajn artikolojn pri Esperanto. D-ro Kliemke publikigis

*) Ni rememorigas la gravan rolon luditan en la sama epoko de nia pioniro S-ro Ernest Archdeacon, kiu kreis kun S-ro Deutsch de La Meurthe la premion por la unua kilometro farita en aeroplano. *La aŭtoro.*

artikolon „Dek Esperanto-Tezoj“ kaj informojn pri eksperimenta kurso por Esperanto, kies rezultaton oni submetos al la konferenco de Paris.

*Dresden.* — La 20. I. S-ro instruisto Hahn parolis pri siaj 16-jaraj bonaj spertoj de Esp.-instruado en Lernejoj.

— La 1. II. okazis sukcesplena jarfesto por la Dresdena samideanaro kun muziko, virĥora kanto ktp. La mongajno servos por propagando.

*Leipzig.* — La 2. 2. parolado de S-ro Kötz pri praktiko de Esperanto. La policista grupo nun kalkulas 130 membrojn. Funkcias ses kursoj por policistoj.

*Stuttgart.* — La 5. 2. la grupo festis 20an revenon de l' grupfondo. Oni honoris speciale la fondinton kaj ankoraŭ nunan prezidanton, nian eminentan samideanon, S-ron Prof. Christaller.

*Esperanto-Ligo Saarteritorio.*

En *Friedrichsthal* je 1. 2. 25 la Ligo aranĝis amuzan feston kun deklamoj, kantoj kaj muziko. Ĉefa parto estis la malkaŝo de pseŭdonimoj, sub kiuj la membroj korespondis dum pasinta jaro. Por ĝusta diveno tri libropremioj estis disdonataj.

En Saar-Radio-Klub komenciĝis kurso gvidata de S-ro Krämer.

## Hungario.

*Budapest.* — En la ĉefpolicejo okazis kurso por policistoj. La estraro de B.-a polico respondas al eksterlandaj leteroj en Esperanto oficiale en nia lingvo.

*Hungara Skolta Ligo por Esperanto.* — El raporto de la Hungara Skolta Ligo Magyar Cserkész Szövetség: „Esperanto kiel facile lernebla neŭtrala mondlingvo montriĝis, kiel ideala rimedo por skoltoj okaze de eksterlandaj vizitoj kaj en rilatoj kun eksterlandaj skoltknaboj. La Skolta Ligo tial akceptis ankaŭ la lingvon Esperanto kiel apartan interpretistprovon inter la skoltaj provoj.“

## Italio.

*Bari.* — Post forigo de oficialaj malhelpoj „Corriere Balcanico Esperantista“ reaperas de januaro ĉiun duan monaton.

*Brescia.* — Funkcias du kursoj de S-ro G. Facchi.

*Genova.* — Post la sukcesinta ĝenerala ordinara kunsido la konsilantaro de la loka Amuza Esperanto-Klubo rezultas jene: S-roj Innocenti Tullio, prez.; Polleschi Pietro, sekr.-kas.; Punta A., vic-sekr. En ĝia sidejo [Via della Liberta 38 R.] la A. E. K. aranĝis belan Esperanto-materialan ekspozicion kaj oni malfermis esp.-kurson gvidatan de S-ro Polleschi.

— Sekve de la ĝenerala ordinara novelekto en la ĉi-tiea Laborista Esperanto-Grupo la direktanta konsilantaro rezultas laŭjene: S-roj Barni Giovanni, prez.; Managlia Ettore, sekr.-kas.; Zunino Silvio, vic-sekr.; Innocenti Tullio, bibl.

*Milano.* — La Lombarda Esp.-Instituto aranĝis kurson en Radio-Klubo. Samtempe komencis novaj kursoj en Cremona, Voghera, Mantova.

## Katalunio.

*Palma de Mallorca.* — La preparoj por la XII. Kataluna Kongreso daŭradas. Same por la nunjaraj Internaciaj Floraj Ludoj kun pli ol 50 premioj kaj sumo da 4000 pesetoj.

S-ro Narciso Bofill donas 3 kursojn.

## Pollando.

*Warszawa.* — Zamenhofa Monumento. — La 18. 1. ĉiuj anoj de Varsovia Monumenta Komitato kune kun la plej proksimaj parencoj de nia kara Majstro kunvenis are ĉe la Tombejo por saluti la jus el Skotlando alvenintan pretan Zamenhofan Monumenton. Dank' al la penoj de nia samideano Aleksander Różanykwiat, posedanto de la loka konata Transport- kaj Ekspedodomo, kiu oferis sian laboron tute senprofite, la monumento estis sendifekte transportita tuj post alveno al la tombejo, tie starigita laŭ la plano de ĝia aŭtoro skulptisto Lubelski. La 18an de januaro la Varsovia samideanaro kun la Monumenta Komitato en la ĉefo speciale alvenis por kune solene festi tiun gravan por ni momenton.

Oni atendas la oficialan solenan malkovron de l' Monumento kaj deziras allogi multajn samideanojn al la Majstra Tombo.

*Kraków.* — La 17. I. fondiĝis klubo, en kies estraron oni elektis: S-rojn inĝenieron Eug. Tor, prez.; inĝ. Edw. Kostecki, vic-prez. kaj Jul. Kriss, sekr. Ejo: Muzeo tekniko-industria.

*Sosnowice.* — Fondiĝis klubo kaj rondo esper. La klubo en kurso instruas 25 anojn.

En la N-ro 16, 1925 de la Krakovia taĝjurnalo „Głos narodu“ oni legas:

*Esperanto en preĝejo:* [Ĉeĥoslovakio]. — 11. I. okazis en Praha [ĉefurbo] la unua prediko en Esperanto de pastro J. Masek, preposto el Stupno [Plžn]. La kantojn dum la meso efektivigis la ĥorkantistaro ankaŭ esperante.

## Rumanio.

*Braŝov* [Transilvanio]. — S-ro J. Teleky gvidas esp. kurson kun 12 personoj.

*Cernauti* [Bukovino]. — 2 novaj kursoj. Gvidanto: S-ro majoro A. Hasenoehrl.

*Cluj* [Transilvanio]. — La 29. 1. la Cluj'aj esperantistoj kunvenis en Sfatul Negustoreso [Komercista Konsilantarejo]. Oni priparolis aranĝon de Esp.-kurso por komercistoj.

La hungarlingva literatura revuo Pàsztortuez [Paŝtista fajro] aperigis grandan artikolon de D-ro Biro V. pri esperanta literaturo. La sama n-ro [15 Januaro] enhavas tradukojn el Baghy kaj Kalocsay de S-ro Fr. Engelmann.

— S-ro D-ro Loecsey ekgvidis kurson por progresantoj. La Cluj'a skolta grupo oficiale petis la tiean esp. grupon por aranĝi esperantan kurson.

*Giurĝiu.* — S-ro Stefano Koch gvidas kurson por intelektuloj.

*Ploeŝti.* — Vigla agado komenciĝis por la aranĝo de la V-a Rum. Esp.-Kongreso [julio 1925] en tiu urbo. Entuziasma grupeto esperantista eldonis la unuan n-ron de monata propaganda gazeto nacilingva. Oni preparas kurson.

## Salvadoro.

*S. Salvador.* — De post preskaŭ du jaroj S-ro Pastro Marcel Maldonaldo, malnova delegito de UEA vigle propagandas Esp., speciale inter gimnazianoj.

Ni esperas, ke per tio baldaŭ kreskos la samideanaro en Centra Ameriko, kie nia movado ne jam estas tiel forta.

## Sudslavio.

*Viŝkov.* — S-ro Safet Bakarević el Sarajevo antaŭ 200 personoj faris paroladon pri Esperanto kaj UEA. Enskribiĝis 50 personoj por kurso.

*Sarajevo.* — En granda kinematografa teatro de post kelka empo aperas Esperanto-reklamo, afable akcelita de la direkcio.

## Svislando.

*Svisa Esperanto-Societo.*

Tiu ĉi vintro estas riĉa je kursoj.

*Basel.* — F-ino Pulvers komencis kurson kun 8 partopren.

En *Biel* D-ro Spielmann gvidas 3 kursojn kun entute 70 lernantoj; unu germanlingve, unu franclingve kaj unu por policanoj.

En la *Chaux de Fonds* S-ro Humberset gvidas kurson laŭ la plano de Komerca Eksperimento.

En *Morges* okazas kurso ĉe la kristanaj socialistoj, gvidata de S-ro Jayet.

En *Genève*, venonta kongresurbo, ĉiuj instruistoj kaj instruantoj estas tre okupitaj pro la preparo de novaj esperantistoj. S-ino Umanski ĵus finis kurson ĉe la Universitato. Malfermiĝis nova kurso, ankaŭ ĉe la Universitato kaj gvidata de S-ino Umanski. Tiu kurso kunigas geoficistojn kaj estas laŭeble farata laŭ plano de Komerca Eksperimento. La direkcio de Société de Banque Suisse aranĝis en sia domo 2 kursojn por la personaro, ankaŭ gvidata de S-ino Umanski.

Bulteno de Internacia Framasona Asocio en numero oktobro-decembro enhavis alvokon en Esperanto por fram. kunveno dum la Deksepa.

S-ro Bouvier en 2 kursoj instruas policanojn kaj donas kurson al la membroj de Virina Ligo por Paco kaj Libereco.

S-ro Reisinger instruas hoteloficistojn: S-ro Gendre, laboristojn; S-ino Grasset, kelkajn skoltojn.

F-ino Diekmann daŭrigas kurson kiun S-ro Horner komencis ĉe la geoficistoj de Kristana Unuiĝo.

S-ro Privat faris paroladon en la rondo de poŝtoficistoj kaj interesigis ilin al nia movado, 15 enskribiĝis por kurso.

*Zürich* raportas pri sukcesa jarkunveno, kiun vizitis ankaŭ gastoj el Winterthur, Bern, Horgen. S-ro Hefti paroladis en Dübendorf, kie nun gvidas kurson S-ro Jost.

La jarkunveno de grupo Olten okazis en januaro kaj estis vizitata de esperantistoj el Herisau, Teufen, Gossau.

## Urugvajo.

*Montevideo.* — De januaro 1925 la Urugvaja Esperanto-Societo eldonas oficialan organon „Sud-Ameriko". Ni esperas, ke la gazeto helpos pli firmigi la movadon ne sole en Urugvajo, sed ankaŭ en la najbarŝtatoj.






*Alba-Julia* (Rumanio).

S-ro Csora gvidas kurson por 12 lernantoj de la liceo Majlath.

*Barcelona* (Hispanio).

Ĉiuj geinstruantoj en la Dalmau-liceo estas devigataj scii aŭ tuj lerni Esperanton. Esperanto estas deviga en la elementaj klasoj de tiu liceo.

*Budapest* (Hungario).

Laŭ ordono N-ro 71972/1924 V. Ü. de la hungara reĝa ministerio por religio kaj instruado Esperanto estas instruebla dum la lerneja jaro 1924-25 en ĉiuj mezgradaj lernejoj de instruantoj sendotaj de Hungar. Esp. Soc. Ĝis januaro 1925 komenciĝis kursoj en sep mezlernejoj kaj unu kurso por instruistoj en la komerca Akademio.

En la pedagogia seminario dum prelegada vespero okazis esperanta prelego kun ekzameno de Esperanto-lernantoj.

*Esperanto-grupo de profesoroj.* — Post finiĝo de la profesora kurso fondiĝis en Budapest la Profesora Grupo de la Hungarlanda Esperanto-Societo. La nova grupo havas 15 membrojn, ĉefe mezlernejajn profesorojn kaj komerclernejajn profesorojn. Prezidanto de la grupo estas D-ro Adalberto Vikár, fama lingvisto. La nova grupo havas kunsidojn sabate posttagmeze 6-8 en la Budapesta Komerca Akademio (V., Alkotmány-u. 11) kaj petas eksterlandajn similajn grupojn kaj societojn por sendo de siaj adresoj, eldonaĵoj, nomaroj, statutoj kaj spertoj pri Esp.-instruado.

*Brescia* (Italio).

Funkcias kurso en metia lernejo Instituto Moretto.

*Cluj* (Rumanio).

Ĵus finiĝis Esperanto-kurso en la komerca akademio. La 5. februaro komencis novan kurson por komencantoj S-ro profesoro Cornea en la komercista konsilantarejo Sfatul Negustoresc.

*Magdeburg* (Germanio).

Por infankursoj komencotaj post Pasko 1925 tie ĉi aliĝis ĝis nun 1400 infanoj. Sekve de tio la magistrato de la urbo kun subteno de la lerneja deputitaro starigis du kursojn, en kiuj S-roj Rockmann kaj Wottrich instruas 60 instruistojn en nia lingvo. Tio estas grandega sukceso!

*M.-Gladbach* (Germanio).

Post parolado de superinstruisto Karl Giessmann el Krefeld komenciĝis 12. 1. 1925 kurso en la privata komerclernejo de Levor, 2 horojn semajne, gvidata de instruisto Paul Brendgens, UEA-delegito de Rheydt. — Funkcias sub lia gvidado ankaŭ alia kurso kun 13 geinstruistoj.

*Milano* (Italio).

La Milana ĉefurbestro kaj la Asesoro pri Supera Instruado oficiala anoncis per murafiŝo la komenciĝon de Esperanto-kursoj en lernejoj. Komenciĝis du kursoj en elementaj lernejoj.

*Rheydt* (Germanio).

Post parolado de delegito Paul Brendgens 27. 1. 1925 kurso kun 11 gepartoprenantoj, gvidata de abituriento Josef Cremers.

*Rokiškis* (Litovio).

En gimnazio estas forta grupo de esperantistoj. Lasttempe malfermiĝis novaj kursoj.

*Schierstein a. Rhein* (Germanio).

En februaro laŭ iniciato de samideanoj en Wiesbaden la novfondita popoluniversitato enkondukis Esperanton. Komenciĝis kurso kun 30 partoprenantoj.

*Steyr* (Aŭstrio).

Funkcias 3 kursoj por lernantoj de burĝaj lernejoj, kies kostojn pagas la urbo. Daŭradas unu kurso en komerca kaj du kursoj en meta lernejoj.

*Utrecht* (Nederlando).

La 7. februaro komenciĝis Esperanto-kurso en la popola universitato, gvidata de S-ino Isbrücker el Hago.

*Warszawa* (Pollando).

La direkcio de la komercaj vesperkursoj Sekulović enkondukis Esperanton kiel devigan fakon.

*Wiesbaden* (Germanio).

Meze de januaro komenciĝis en la ĉi tiea popoluniversitato tri kursoj (unu por komencantoj kaj du por progresintoj) kaj en ĉambro de liceo I dua kurso por geinstruistoj de mez- kaj popollernejoj.

---

## Novaj libroj.

**Hirt's Esperanto-Taschenwörterbuch** für den täglichen Gebrauch, zusammengestellt und bearbeitet von *A. Degen* und *B. Kötz.* 1924.
Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Esperanto-Abteilung.
120 paĝoj, $10^1/_2 \times 15^1/_2$ cm. Prezo: 1 ormk.

**Germana-Esperanto Konversacia Libro** por la uzo en lernejoj kaj en vojaĝo, kun vojaĝa vortaro de *James Counor.* Metodo de Gaspey-Otto-Sauer. Por la lingvo Esperanto prilaborita de *Robert Kreuz* kaj *Max Butin.* 1924.
Julius Groos, Heidelberg.
267 paĝoj, $11^1/_2 \times 16$ cm. Prezo, tole bindita: 3 ormk.

**Poŝkalendareto por Junaj Esperantistoj 1925.**
Kompilis *Rudolf Pivl*, Traŭtenaŭ.
Eldonis Tutmonda Esperanto-Asocio Junulara, Leipzig-Möckern, Wedellstrasse 17, Germanio.
72 paĝoj, $8 \times 12$ cm. Prezo: 0,50 sv. fr. (3 k. ĉ.)

**Aventuroj de malspertulo.** *Robert Reitzel.* Esperantigis D-ro *Tobias Sigel.* 1924.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
32 paĝoj, $13 \times 18^1/_2$ cm. Prezo: 1,20 ormk.

**Amoro kaj Psiĥe.** *Lucius Apulejus.* Tradukis *Emilo Pfeffer.*
Esperanta Biblioteko Internacia N-ro 12. 2ª eldono. 53 paĝoj.

**El Dramoj.** Fragmentoj de Ifigenio en Taŭrido de *Goethe* kaj La Rabistoj de *Schiller.* Tradukis D-ro *L. L. Zamenhof.* E. B. I. N-ro 7. 2ª eldono. 48 paĝoj.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
Formato $9^1/_2 \times 14$ cm Prezo: 0,30 ormk.

**Parvuli.** Rakonto de *Albert Bessières* S. I. El franca lingvo tradukis *Ramo.*
Espero Katolika, 55 Rue de Vaugirard, Paris.
32 paĝoj, $10 \times 15^1/_2$ cm. Prezo: 1 fr. fr.

**Esperanto-Gvidilo.** *Joshi H. Ishiguro.* 1924.
Esperanto-Asocio por Edukado. Nagoya, Nippon.
30 paĝoj, $10^1/_2 \times 15$ cm. Prezo: 10 senoj (8 p.)

**Javaj legendoj kaj fabloj,**
tradukis kaj reverkis *Liem Tjong Hie.* 1924.
Eldonita de la aŭtoro, Tjong Hie Liem, Semarang, Java.
42 paĝoj, $11 \times 16^1/_2$ cm. Prezo ne montrita.

**Oomoto.** La nova spirita movado. Oomoto Fremdlanden Propaganda Oficejo. Ajabe. Japanlando.
40 paĝoj, $13 \times 18^1/_2$ cm. Prezo: 0,30 Sm.




**Ni petas la samideanaron nepre informi nin pri ĉiu Esperanto-aranĝo en radio-sfero.**
**Oni disvastigu niajn notojn en la gazetaro.**

☆

*Barcelona* (Hispanio).

La sendostacio Radio-Barcelona akceptis Esperanton por daŭraj prezentadoj en sia programo.

La 8. 3. S-ro Delff Dalmau parolis en Esperanto pri la venonta kongreso de Kataluna Federacio. Aliaj aranĝoj sekvos (ondolongeco 325).

La revuo „Radio-Barcelona“ en sia 23ª numero de nuna jaro enhavis detalan artikolon pri Esperanto de S-ro D-ro Ramón Bartoméu.

*Boston* (Usono).

La 25 novembro S-ro D-ro Lowell parolis de la stacio WBZ (Hotel Brunswick) kun bonega sukceso kun posta parto en Esperanto. (Nur nun ni estis informata pri tiu ĉi parolado. Red.)

*Falun* (Sved.)

Ni sciiĝis, ke la sendostacio de Falun kelkfoje disaŭdigis sciigojn pri Esperanto. Ni ripetas, ke pro statistiko estas nepre dezirinde tuj, detale kaj precize informi nin pri tiaj aranĝoj.

*Hilversum* (Nederlando).

La 23 januaro S-ro Uiterdyk dum 10 minutoj parolis en Esperanto. Dua parolado okazis 13. 3. Se alvenos sufiĉe da aproboj el eksterlando, la stacio estas preta daŭre akcepti Esperanto-prezentadon en la programo. Adreso: H. D. O. Radio-Stacio, Hilversum, Nederlando.

*Königsberg* (Germ.)

La 13. 3. okazis disaŭdigo de 3 kantoj per opera kantistino Olitzki de la teatro de Königsberg.

*Minneapolis* kaj *St. Paul* (Usono).

La potenca radia stacio WCCO dissendos esperantan programon de la 23—24 horo centra tempo (90ª meridiano) vendredon la 24. aprilo. Sur la meridiano de Greenwich tio estos de la 5. ĝis 6. horo sabaton, la 25. Aprilo. La potenco estos kvin kilovatoj kaj la ondlongeco 417 metroj. La programo estos koncerto kun anoncoj esperantaj, parolado esperanta kaj esperantaj kantoj.

Ĉiun, kiu legas tiun ĉi avizon, oni urĝe petas plenumi la jenon:

Unue: peni aŭ per ia ricevaparato kapti la programon, kaj nepre skribi al: Gold Medal Station WCCO, Minneapolis, Minn., Usono, pri sia sukceso aŭ malsukceso, priskribante la tipon de l' ricevilo;

due: sciigi la tagĵurnalojn kaj precipe la radiajn ĵurnalojn pri nepra publikigo de tiu informo.

### La Francaj stacioj instruas Esperanton.

*PTT (Paris)* kaj *„Radio-Paris“*.

Laŭ permeso de l' ministro de PTT, la du konataj radiostacioj en Parizo: PTT kaj Radio-Paris ekinstruis Esperanton al siaj aŭdantoj. Ni mem aŭdis en Ĝenevo paroladon de S-ro Ernest Archdeacon kaj unuan lecionon de D-ro Corret. Ili daŭre okazos el Radio-Paris ĉiudimanĉe, vespere je 8.45. La 14 Aprilo, mardon je 8.15 parolos D-ro Privat samloke [1780 m] en Esperanto. La franca horo estos tiam la sama kiel tiu de Centra Eŭropo, sed eble ankoraŭ ne kiel tiu de Britlando [8.15—9.15 p. m.] Oni atentu en gazetoj pri la horŝanĝo de vintro al somero.

### Ĉiuj radio-stacioj en Germanio enkondukis Esperanton en sian programon.

Hodiaŭ okazas kursoj aŭ regulaj parolado kaj prezentado en Esperanto per la stacioj de Berlin (Voxhaus), Breslau, Frankfurt a. M., Hamburg, Königsberg i. Pr., Königswusterhausen, Leipzig, München, Münster i. W., Stuttgart, kaj per la relajsstacioj Bremen, Hannover (de Münster), Kassel (de Frankfurt), Nürnberg (de München), Dresden (de Leipzig). 10 ĉefsendejoj kaj 5 relajs-stacioj, do entute 15 germanaj radiostacioj enkondukis Esperanton en sian programon.

Tiu sukceso estas des pli atentinda, ĉar kelkloke la idistoj klopodegis pro Ido kaj aranĝis specialan propagandon inter la germana radiistaro. Laŭ iniciato de idisto kaj prezidanto de rejna vestfalia radio-klubo antaŭ ne longe la germana radio-kartelo decidis la formigon de komisiono por studo de l' problemo Esperanto-Ido. Ni firme kredas, ke nek la komisiono nek la kartelo mem povos ignori la fakton, ke la programo de ĉiuj germana stacioj enhavas ekskluzive Esperanton.

### Radio-gazetoj favoraj al Esperanto.

Jam de kelka tempo „Radio-Rundschau“ en Wien publikigas kvinlingvan radio-vortaron kun Esperanto-kolono. Ĝi aperos post ne longe kiel aparta libro.

„Radio-Welt“, la plej influhava radio-gazeto de Aŭstrio, malfermis regulan Esperanto-rubrikon gvidatan de s-ano D-ro Pfeffer.

Plej vigle defendas nian lingvon „Experimental Wireless“ en London, kiu en la lastaj kajeroj enhavis krom artikoloj kun resuma kurso ankaŭ detalan radio-terminaron anglan-esperantan.

Post nelonge aperos en la konata franca eldonejo Etienne Chrion, Paris, „Jarlibro de Senfadena Telegrafio“, kies vortara parto enhavos apartan Esperanto-terminaron.

La usona radio-gazeto „Radio-News“ en New York kun ĉiumonata eldoncifero de 400000 ekzempleroj regule propagandas Esperanton.

Same akcelas nian lingvon, „Wireless Weekly“, plej grava aŭstralazia radio-gazeto.

---

# Esperantista Parolejo.

### Oni laŭdas!

S-ro *Atamas Lakov*, Sadova (Bulgario), kore dankas S-ron Giuglea, deleg. en Bukureŝto, pro farita servo.

S-ro *Hans Jäger*, del. en Werfen, dankas al S-ro Giovanni Della Savia, del. en Udine, por tre gravaj servoj.

S-ro *E. Lüer*, del. en Helmstedt, Germanio, tutkore dankas al F-ino Marie Rousset, del., Avignon (Francio), S-ro Andrew Snider Vincent, ĉefdel., San Francisco (Usono) kaj S-ro Paul Bérenguier, del. en Toulon (Franc.), por afable donitaj gravaj sciigoj.

S-ro *Ploss, Jos*, Ĉ. Budějovice, dankas al S-ro D-ro Tulo, del. en Edinburg (Anglujo) kaj S-ro E. Wanitsek, vicdel. en Bratislava (Ĉ. S. R) kaj S-ro A. Pitlík, supera komisario en komerca ministerio en Praha (Ĉ. S. R.) por iliaj afablaj servoj kaj informoj faritaj al mi. Koran dankon ankaŭ li diras al S-ro J. Rambousek (generalo de ĉeĥoslovaka artilerio, Subtenanta Membro de UEA) en Ĉ. Budějovice (Ĉeĥoslovakio) por lia tre afabla bonkora monhelpo, per kiu li pagis MA-kotizojn al UEA por jaro 1925 anstataŭ ni kaj ebligis tiel, ke ni povu resti UEAanoj.

S-ro *Salo Grenkamp-Kornfeld*, del. en Jaslo, tutkore dankas por la al li faritaj gravaj servoj ktp. al S-ro D-ro Lauterbach, Tarnovo, S-ro Frans R. Schoofs, del. en Antverpeno, S-ro Delanoue, del., kaj Léon Agourtine en Paris.

---

# Esperantista vivo.

**Edziĝo.** — *F-ino Julia Balkányi*, UEA-membro el Budapest, edziniĝis en Santiago (Ĉilio, Sudameriko) kun *S-ro I. Balázs*, inĝeniero de A. E. G. en Santiago.

**Naskiĝo.** — Al S-ro inĝ. Raymond Laval, Alais (Gard), Franclando, kaj sinjorino naskiĝis filo Franc.

Al Ges-roj A. B. C. Senff en Hamburg (Germanio) naskiĝis filineto nomita Ljubica.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

**Casto Vilar Garcia,** honora prezidanto de la Esperantista Grupo Sevilla, eksprofesoro de franca lingvo en la Provinca Instituto kaj advokato, en aĝo de 74 jaroj, mortis subite la 5 februaro en urbeto Dos Hermanas, tre proksima al Sevilla.

S-ro Vilar estis bona poligloto, ĉar li konis la lingvojn hispanan, francan, latinan, araban, germanan kaj rusan; sed ankaŭ de longaj jaroj li estis tre entuziasma pioniro de Esperanto, ĉar ĉiam kaj ĉie li multe propagandis nian helpan lingvon. Li laboradis senĉese je favoro de nia afero kaj de la Sevilla Grupo, kaj nuntempe li estis finpritraktanta kun la komitato de la Ekspozicio Ibero-Amerika gravegan aferon por uzi kaj enkonduki la lingvon internacian en la programon kaj propagandon de tiu ekspozicio tra la tuta mondo.

Li ripozu pace! En la koro de ĉiuj andaluziaj gesamideanoj restos lia memoro eterne kaj ili sekvos liajn konsilojn ĉiam labori plenenergie per kaj por Esperanto ĝis nia fina venko.

*Karolo.*

**Elise Geinitz,** Dresden. Ŝi estis longjara fervora anino de nia movado, bone konata per ŝia poŝtkarto: E. en la lernejoj! Propagando estis ŝia ĉefa laboro. Juneca animo vivis en tre delikata korpo, la vespero de ŝia vivo estis malfeliĉa, sed la ekdormo dolĉa kaj sendolora.

*M. Hankel*, Dresden.

S-ino **Felicidad Zamora de Garcia,** fratino de S-inoj Zamora, membroj de UEA en Manila, Filipinaj Insuloj, mortis dum vojaĝo en Barcelono la 12 februaro 1925.






# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Jarlibro 1925.** — Laŭ deziro de kelkaj membroj ni povus liveri ankaŭ tole binditan ekzempleron de la jarlibro 1925, kontraŭ plia pago de 2 svisaj frankoj. Interesatoj bonvolu sin anonci sendante tiun sumon al ni. Ĉar estas disponebla nur malgranda nombro da ekzempleroj, rekomendiĝas baldaŭa mendo.

La jarlibro 1925 nun estas finkompostita kaj korektata. Supozeble ĝi aperos dum majo.

**Novaj aliĝiloj.** — Ni atentigas pri nia nova varbilo-aliĝilo „Ĉu vi estas membro de UEA?" Delegitoj dezirantaj fari vastan varbadon volu mendi la kvanton deziratan.

**Subtenantoj.** — Ni informas, ke Subtenantoj rajtas elekti unu premion. Kiel plej novan premion ni povas dediĉi al niaj subtenantoj tutjaran abonon de la arta kaj ilustrata revuo „Literatura Mondo".

La kotizo de Membro-Subtenanto estas 25 fr. sv. kun rilataj naciaj prezoj.

**Novaj Delegitoj.**

Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Allenstein* (Germanio, Or. Prus.) — D: S-ro Franz Sadrinna, Instruisto, Liebstädter Str.
VD: S-ro Oskar Wegner, konstrumajstro, Königstr. 82

*Nömme* (Estonio) — D: S-ro Helmuth Janwerk, komercisto, Raŭdtee 38

*Pelhřimov* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Václav Volf, fremdlingva korespondanto, Akc. kartáčovna dř. Hrdina

*Pielisjärvi* (Finnlando, Kuopio) — D: S-ro Antti Räty, instruisto, Kelvä

*Pietramurata* (Italio, Trentino) — D: S-ro Don Mansueto Biscaglia, pastro

*Pisa* (Italio) — D: D-ro Alfredo Stromboli, Konsulanto pri metalurgiaj aferoj, Lungarno Regio 17

*Rübenach b. Koblenz* (Germanio) — D: S-ro Friedrich Jacobi, Dir. de intern. Esp. Kolektanto-Klubo „Amikeco"

*Sanchez* (Resp. Dominikana, Antiloj) — D: S-ro J. J. Gomez, bankisto

*Schweiklberg* (Germanio, Niederbayern) — D: S-ro Pelegrinus Hoffmann, Misiopastro kaj Prioro de la monaĥejo Benediktina

*Seattle* (Washington USA) — D: S-ro Dan W. Gibson, reklamisto, 644 Central Bldg.

*Senftenberg* (Germanio, Lausitz) — D: S-ro Ernst Muthschall, fervoja inspektoro, Adolphstr. 1

*Sinabelkirchen* (Aŭstrio, Ost-Steiermark) — D: S-ro Josef Bierbauer, komerc-komizo

*Smorgonie* (Pollando, Wilenska) — D: S-ro Izrael Gass, librotenisto, Ul. Traugutta 83

*Soerabaia* (Java, Ned. Hind.) — D: S-ro S. J. Ysselstein, Direktoro de M. U. L. O. School

*Sofia* (Bulgario) — D: S-ro Dimitr Simeonov, ul. Car Boris 53
VD: S-ro Kiril P. Georgiev

*Stara Boleslav* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Josef Krecik, fervoja oficisto, Nádraži

*Stará Paka* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Bohuslav Trybenekr, instruisto

*Sterkrade* (Germanio, Rhld.) — D: S-ro Max Hammermeister, instruisto, Mathildenstr. 71 a

*Suzzura* (Italio, Mantova) — D: S-ro Dino Villani, oficisto, VD: S-ro Tebe Mignoni, aŭtomobil-laboristo

*St. Armand-les-Eaux* (Francalando, Nord) — D: S-ro Louis Waterloo, kont-registristo, La Croisette

*Tábor* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Emanuel Saturník, ŝparkasoficisto, Spořitelna

*Tananarivo* (Madagaskaro) — D: S-ro Jean Laurent Adrianasolo, instruisto, Ambohimanovo
VD: S-ro Daniel Rasolo, studento, Ambohimanovo

*Tustanowice* (Pollando) — D: S-ro Leon Ringler, petroloficisto

*Tyrvää* (Finnlando, Satakunta) — D: S-ro Tuomo Teukku, terkulturisto

*Ulm a. D.* (Germanio, Würt.) — D: S-ro Josef Engst, asekura oficisto, Goethestr. 32

*Velbert* (Germanio, Rheinprov.) — D: S-ro Fritz Kiesgen, studkonsilisto, Thomasstr. 5

*Wistritz* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Josef Fischer, kompostisto, Schulstr. 133

*Zwickau* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Heinrich Schuster, oficisto, n-ro 125/I
VD: S-ino Berta Ditie, edzino de farmacisto, Marktpl.

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.**

**Ŝanĝoj.**

*Basel* (Svislando) — D: S-ro Hubert Saget, Rotbergerstr. 31

*Beauvais* (Francalando, Oise) — D: S-ro Louis Thomas, inĝeniero, 17 rue de la Mie au Roy, St. Lucien-lez-Beauvais

*Bombay* (Brita Hindio) — D: S-ro A. K. Divekar, komizo Jetha Kalyan Building, 8 Gamdevi Rd. [Post Grant Rd.] VII

*Châlons s. Marne* (Francalando, Marne) — D: S-ro Gérard Aussenac, 26 rue du Port de Marne

*Chemnitz* (Germanio, Sa.) — D: S-ro Max Hofmann, distriktestro, Kreishauptmannschaft
VD: S-ro Alfred Flade, instruisto, Mathildenstr. 30/I

*Clermont Ferrand* (Francalando, Puy de Dôme) — D: S-ro Annet Thomas, oficisto, 2 rue St. Dominique

*Daruvar* (Jugoslavio, Slavonio) — D: S-ro Pavao Dravoj, plekisto
VD: S-ro Rudolf Sigl, studento

*Ebersbach* (Germanio, Sa.) — D: S-ro A. M. Kirchhübel, porcelanpentristo, Hauptstrasse 513

*Fulda* (Germanio, Hessen-Nassau) — D: S-ro W. Heinrich Funk, komerca oficisto, Künzeller Str. 36
VD: S-ro Otto Mehler, komerca oficisto, Löherstr. 23

*Gävle* (Svedio, Gävleborg) — D: S-ro A. K. Örn, reprezentanto, Södra Hospitalgatan 11
VD: S-ro Erl Holmvis, desegnisto, Katrineborg 60

*Gera* (Germanio, Reuss) — D: S-ro Kurt Ostermann, fervojisto, Blücherstr. 55, II
VD: S-ro Richard Schneider, kontoristo, Körnerstr. 28, I

Genève, 10 marto 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

### Solvoj:




68 = Pala-co. — 69 = Mo-ni-to-ro. — 70 = Tago. — 71 = Sen-eko. — 72 = Onklo Sam. — 73 = Esauo.

74. **Ero kaj Aro.**

„*Vae soli*"!

Ĉiame estis aksioma vero
ke unu povas nur malpli ol paro:
en Aro nur valoron havas Ero.

Ĉu vi por iri trans densa arbaro
penadas same, kiel trans branĉero?
Jen do pri Ar' kaj Ero la komparo:

La sola Ero estas malapero
de fort', estas malvenk', honto, mizero.

Ar' flugas venke super ter' kaj maro;
de Ero flugo, flugo de Ikaro!

75. **Monerîgo.**

Numero kaj besteto monerîgas.

76. **Literet' enhavantega.**

En eta litero | tutaĵo de domo | sur sama nivelo.

77. **Historia ĉeneto.**




1, 2 = De akvujego. | 2, 3 = Mambest' el familio de la musoj. | 3, 4 = Pura muzika sono. | 1, 2, 3, 4 = Vilaĝ' de Atiklando apud kiu | antikve generalo greka venkis | la malamikajn Persojn.

## ALUMETLUDOJ.

78. **Mirindaj aliformigoj.**

EEEE Ne dividinte eĉ unu streketon | de jena kvar' da „E" vi sep kvadratojn el ili faru; poste | eĉ unu strekon kurbigante ne | el la tutaĵo cirklon aperigu.

### Ĝustaj solvoj alvenintaj:

54, 59: *Tsuji, Risuke* (Osakafu, Japanlando). — 68, 69, 70: *B. Marcinczak* (Poznań). — 68, 70, 71, 72, 73, 74: *C. William* (Stettin).

— Peto al la solvintoj klarege skribi sian nomon. —

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 134.**
*K. Neukomm.*
(Chemnitzer Woch. Schach 1924).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 135.**
*E. Ferber.*
(Reproduktaĵo).



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 136.**
*Fr. Hájek*, Praha.
[Originalo].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 137.**
*R. Svoboda*, Praha.
[Originalo].



Sinmato per la 2-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 130:** 1. Ĉf5—d4, e7—e6, 2. Dh7—c2m.; Kf7—e6, 2. Dh7—h2m; e7—e5, 2. Ĉe3—d5m.; Kf7—c4, 2. Ka3—d6 m.; alimove 2. Ĉd4—b5m.

**N-ro 131:** 1. Dg5—d2, c5—c4+, 2. Rd3—e3 + ktp; e5—e4+, 2. Rd3—c3+ ktp.; Te6 movas 2. Dd2—a2+ ktp.

**N-ro 132:** 1. Ĉb7—d6, Rd7—c7, 2. Rd5—e6 ktp.; Rd7—e7, 2. Rd5—c6 ktp.

**N-ro 133:** 1. b4—b5, Ka6×b5, 2. Da4—e4+, Db1×e4, 3. f3×e4+, Rd5×c6, 4. e4—e5 m.; 3.... Re5, 4. g3×f4 m.; 1.... Re5, 2. g×f4+ ktp. 1.... K×e3, 2. f4+ktp. 1.... e6—e5, 2. De4 + ktp. 1.... Ĉ×b5, 2. f×g4 + (aŭ De4+) ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 122 ĝis 125 A. Kraljević, Bjelovar (Jugosl.); 126, 128, 129 W. Smoleń, Grabów (Pol.); 127, 128, 129 C. D. W. Boissevain, Genève; J. Tasler, Marschendorf (Ĉeĥ.); 128, 129 S. Frantz, Paris; R. Koerselman, Voorst (Nederl.)

**N-ro 14:** *Hispana ludo.*

Ludita en Bradford Chess Club 1910.

Blanko: *G. Shories.* Nigro: *F. D. Yates.*

| | Blanko | Nigro | | Blanko | Nigro |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | e2—e4 | e7—e5 | 14. | f2—f3 | Ĉe4—g3! |
| 2. | Ĉg1—f3 | Ĉb8—c6 | 15. | h2×g3 | Kd6×g3 |
| 3. | Kf1—b5 | a7—a6 | 16. | Kc1—e3 | Dd8—h4 |
| 4. | Kb5—a4 | Ĉg8—f6 | 17. | Tf1—d1 | Tf8—e8 |
| 5. | 0—0 | Ĉf6×e4 | 18. | De2—d2 | Te8—e6 |
| 6. | d2—d4 | b7—b5 | 19. | b5×a6 | Te6×a6 |
| 7. | Ka4—b3 | d7—d5 | 20. | Ĉb1—a3 | Ta6×a3! |
| 8. | a2—a4 | Ĉc6×d4 | 21. | Ta1×a3 | Ta8×a3 |
| 9. | Ĉf3×d4 | e5×d4 | 22. | Kb3—c4 | Dh4—h2+ |
| 10. | a4×b5 | Kf8—c5 | 23. | Rg1—f1 | Dh2—h1+ |
| 11. | c2—c3 | Kc8—b7 | 24. | Kc4—g1 | Ta3×f3+ |
| 12. | c3×d4 | Kb5—d6 | 25. | g2×f3 | Dh1×f3+ |
| 13. | Dd1—e2 | 0—0 | 26. | Kg1—f2 | d5×c4 |

kaj Blanko rezignis.

Povus ankoraŭ sekvi 27. De2, Dh1, 28. Kg1, Dh3+, 29. Dg2, D×g2 mato, aŭ 27. Te1, Dg2+, 28. Re2, D×f2+ kun perdo de figuro.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Arbaristo,** ŝtate ekzamenita, kaj bona ligno-fakulo, absolvinto de 5 klasoj de la reala lernejo, 29-jara, edziĝinta, kun unu kvarjara filo, serĉas okupon kiel lignokomercista oficisto aŭ arbaroficisto, ĉasisto ktp. R. Seidl, Borohrádek n. Orl., Ĉeĥoslovakio. Ankaŭ fremdlanden.

**Elektristoj** en Finlando. Svedujo aŭ Darujo! Kiu bonvolus havigi al mi postenon kiel elektristo en via urbo aŭ lando? Bonvolu skribi kaj postuli detalajn sciigojn de S-ro Berthold Guttmann, elektristo, del. de UEA en Pyhanken apud Teplitz-Schönau, Bohemio, Ĉeĥoslovakio. Tre volonte mi rekompencos vin por via helpo laŭ via deziro.

**Filatelistoj!** Mi interŝanĝas poŝtmarkojn ĉialandajn laŭ katalogoj aŭ deziro. Kiu sendos al mi 50—5000 poŝtmarkojn (ĝis 100 de unu), ricevos saman kvanton alilandajn laŭ deziro Mi oferas poŝtmarkpaketojn. Prezaron senpage. S-ro Janicki, esperanta interŝanĝ-centrejo, Naklo-Noteĉ, Polujo, Dabrowskiegostrato 255.

**Filatelistoj.** Sendu al mi per letero rekomendita 10-75 poŝtmarkojn malsamajn el via lando, mi tuj sendas al vi la samkvanton el mia lando. S-ro I. Lotenberg, Lodz, Pollando, Nowo-Cegielniana 7.

**Lignofakuloj!** Pri ligno-industrio kaj komerco deziras korespondi letere kun fakuloj A. Bartoŝ, Podobora-Chotěbuz ap. Čes. Těšín, Ĉeĥoslovakio.

**Malkaraj radio-lampoj.** Eksporton prenas sur sin Henri Dubuisson, 18 rue Bellevue, Le Havre, S. I. (Franclando).

**Malnovaj numeroj de „Progreso“** (Ido). Mankas al ni la jenaj numeroj de la antaŭmilita kolekto de idista „Progreso“: julio, aŭgusto, septembro 1909; januaro, aŭgusto 1912; februaro 1914. Ni petas posedantojn de disponeblaj ekzempleroj bonvole informi nin pri la kondiĉoj de vendado. Centra Oficejo de UEA.

**Migranta ekspozicio.** La Sud-Okcidentgermana Ligo (SOL), Wiesbaden, establigos migrantan ekspozicion por la grupoj en sia teritorio. La SOL-grupoj povas ĉiam ricevi la ekspoziciaĵojn por propagando ekzemple dum festoj, foiroj, propagandaj paroladoj ktp. Ni petas la gesamideanojn en la tuta mondo subteni nian gravan laboron je alsendo de esperantaj broŝuroj de firmaoj, urboj, foiraj presaĵoj, afiŝoj, gvidfolioj de banlokoj, presaĵoj de asocioj, esperantaj gazetoj el la tuta mondo ktp. al la adreso de la administranto de nia migranta ekspozicio S-ro Oskar Scheidt, Wilhelmstr. 8, Bad Kreuznach, Rheinland, Germanujo. La sendotaj esperantaj presaĵoj restas kompreneble posedaĵo de la SOL. Al ĉiuj sendontoj koran dankon antaŭe!

**Poŝtmarkoj.** S-ro Karl Barthel, Wöhlerstr. 14, Frankfurt a. M., sendas kontraŭ unu dolaro usona aŭ sama valoro 50-100 germanajn poŝtmarkojn.

**Poŝtmarkkolektantoj!** Poŝtmarkojn ĉeĥoslovakajn kaj aliajn deziras interŝanĝadi Václav Stárek, Trutnov, Rosseggerova ul. 2, Ĉeĥoslovakio.

**„Progreso“** (Ido). Antaŭmilitaj numeroj serĉataj vidu sub Malnovaj numeroj de „Progreso“.

**Puntoj.** S-ro A. Dupuis, 7 rue de Montenotte, Paris 17, teknikisto, dezirus ricevi de eksterfrancaj samideanoj sciigojn pri puntoj, brodaĵoj kaj similaj laboroj de virinoj uzataj en eksterlando. Aĉetus plezure specimenojn kaj modelojn de naciaj produktaĵoj.

**Reprezentadojn** serĉas por Mannheim kaj Sudgermanio „Esperanto“, Gr. Wallstadtstrasse 61, Mannheim, Germanio.

**Samideanoj!** Mi disponigos al iu la projekton de nombrotabulo (propra elpensitaĵo), kiu estas facile kaj rapide enstarigebla por elmontri sen iu skribilo la amasfabrikadon de fabrikejoj, magazenoj, komercoj ktp. Mi sendas ĉi-tiun skizon kun esperanta klarigo por 2 sv. fr. Per la aĉeto de nombrotabulo iu povas dome prepari kaj amase fabriki. Vilhelmo Frics, maŝinkonstruisto, Szombathely Mezö u, Hungario.

**Senpage.** Ĉiuj anoj de UEA povas, nur sendante sufiĉan poŝtelspezon bezonan, peti la faman verkon de la itala pensulo Giuseppe Mazzini „Devoj de la homo“ lerte tradukitan, eldonita de la Laborista Esperantista Grupo, Casella postale 922, Genova, Italio.

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj.

#### Aŭstrio.

**Wels** (O.-Ö.). S-ro Karl Mayr, Hochpoint 19, PI, bfl, kĉl., certe respondos.

#### Belgio.

**St. Niklaas W.** S-ro Gerard De Boes, Prins-Albertstr. 24, PI, PM, kun ekstereŭropanoj.

**St. Niklaas W.** F-ino Germaine De Boes, Prins-Albertstr. 24, L pri virinaj manlaboraĵoj kaj muzikaĵoj.

#### Bulgario.

**Sofia.** S-ro Ivan Iliev, str. 6. Septemvri 1, PK, L kĉl., precipe kun vegetaranoj.

#### Ĉeĥoslovakio.

**Brüx.** S-ro Josef Beller, bindisto, Teplitzer Str. 37, PI, L, PM.

**Holice v. Č.** F-ino R. Mandysová, instruistino, L, PI kun la tuta mondo.
F-ino V. Turková, instruistino, L, PI kun la tuta mondo.
F-ino E. Svobodová, instruistino, L, PI kun la tuta mondo.
F-ino M. Čermáková, instruistino, L, PI kun la tuta mondo.
F-ino R. Pirklová, instruistino, L, PI kun la tuta mondo.
F-ino Milada Vavřinová, instruistino, L, PI kun la tuta mondo.

**Kvasice 10** (Moravio). S-ro Ad. G. Lazebníček, komisiisto, PI, PM, fotoj kĉl., respondo garantiata.

**Olomouc.** S-ro Vojt. Venský, Ztracená ul. 20, PI, L kĉl.
S-ro Jaromír Řebíček, hlavní nádraží 103, PI, PM, esp. gaz. kĉl.
S-ro Emil Hönig, ferv. oficisto, tř. českých Legií 18, PI, PM, L.
S-ro D-ro Vladimír Brablec, Šemberova 2, PI, PM, L.
S-ro D-ro Leopold Pospíšil, Mozartova 22, PI, PM, L.
S-ro D-ro Václav Procházka, krajský soud, PI, PM, L.
S-ro Jan Valášek, librotenisto, továrna Union, PI, PM, L.
S-ro Otto Neoral, Hor. novosadská, PI, PM, L.
F-ino Marie Jandlová, ferv. ofic., Havlíčkova 3, PI L.

**Praha I.** S-ro Jaroslav Šmejkal, ul. Karoliny Světlé 14, PI bfl kĉl.

**Skřivany** ap. Nový Bydžov. S-ro Bohumil Pultr, L, PI, PM kĉl., poserie kontraŭ poŝtmarkoj ĉeĥoslovakaj ĝis nun eldonitaj kĉl.

**Skřivany** ap. Nový Bydžov. S-ro Josef Kouba, PM kĉl. en Eŭropo kontraŭ PM de Ĉeĥoslovakio ĝis nun eldonitaj. Ĉiam respondos.

**Slavkov u Brna.** S-ro Miloslav Němec, cukrovar, 24-jara oficisto de sukerfabrikejo, PI, L, kun usonaj kaj svisaj samideanoj.

**Vítkovice** (Moravio). S-ro Gustav Vrba, Zengerova 42, PI bfl, L kun seriozaj gesamideanoj.

**Wolfsthal-Leskenthal** apud Böhm.-Leipa. S-ro Antonin Cerveny, PI, L, PM kĉl.

#### Finlando.

**Seinäjoki.** F-ino E. Kemppainen, PI kĉl.

#### Franclando.

**Boulogne-sur-mer.** S-ro E. Barthélémy, 144 rue de Calais, bonstatajn PM 500—1000 ĉiuloje kĉl. Rekomendu sendaĵojn.

**Boulogne-sur-Seine** (Seine). F-ino Rigolet, 78 Avenue de la Reine, L, PI kĉl.

**Chalon-sur-Saone** (S.-et-L.). S-ro Buisson-Monard, 4 quai Sainte-Marie, nur PM.

**Paris.** S-ro Jean Belzacq, studento, 31 Rue d'Armaillé, Paris XVII, deziras korespondi kĉl.

**Saint Ouen** (Seine). S-ro Dall'olmo, 136 Boul. Victor-Hugo, L, PI, PM kĉl.

**Sens** (Yonne). S-ro F. Dupuy, 8 rue Victor-Guichard, PM, PI bfl.

**Vincennes** (Seine). S-ro Paul Jousset, 104 rue de Montreuil, L, PI kun ekstereŭropanoj

#### Germanio.

**Berlin-Charlottenburg** 1. S-ro Bruno Beckmann, Wilmersdorfer Str. 152, L pri religio kaj moraleco.

**Dresden-Alt.** S-ro A. Mende, teknikisto, Strehlener Str. 30, PI, L kĉl., prefere fotoj, ne PM.

**Döbritz** b. Dresden. S-ro Emil Friebel, instruisto, Residenzstr. 24 I, PI, L kĉl., ĉiuj temoj, prefere pedagogiaj, ne PM.

**Freiburg i. Br.** S-ro Eugen Gabelmann, Katharinenstrasse 14, importo — reprezentado — eksporto, peras ĉiuspecajn negocojn.

**Weinböhla-Dresden.** F-ino Olga Schneider, Goethestr. 2, L, PK, PI, PM, kun gesamideanoj el la tuta mondo.

#### Hispanio.

**Bilbao** (Vizcaya). S-ro J. R. Sautua, Fonda de la Estrella, calle de Dona Maria Munoz, deziras interŝanĝi lingvajn lecionojn kun francoj.

**San Feliu de Guixols** (Gerona). S-ro Victor Lluis, Strato Aden 9, L, PI pri socia movado kĉl.

**Sevilla.** F-ino Trinidad Saez Baquero, Itálica 3-2º, PI, PM kĉl.

**Sevilla.** S-ro Antonio Saez Morón, Sierpes 13, PI kaj prefere PM pogrande, serioza interŝanĝo.

**Tarrasa.** S-ro D. Montblanch, S. Leopoldo 118, PK, PI, PM kĉl., nur kun seriozaj kolektantoj. Ne sendas unue.

**Villanueva Minas** (Sevilla). S-ro Ernesto de Trias, farmaciisto, deziras interŝanĝi sekkreskaĵojn, ĉiam respondas.

#### Hungario.

**Budapest X** (10). S-ro Antonio A. Havár, Mádi u. 15 b. I 12, PI, L pri popolmoroj kĉl., nepra respondo.

**Miskolcz.** S-ro B. Illyés, pastro, Major-u. 52, PI bfl, belaj preĝejoj, naturbelaĵoj.

Esperanto-Presejo, Magdeburg-N.